XXa jaro. No 283 (3) ☆ Monata ☆ Marto 1924

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. | Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |
| *Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro* | | *Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!* | |

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*

**TEKSTO.** — *Internacia sukceso en Lyon,* Edmond Privat (37). — **Naturo kaj Scienco:** *Suprentiro de ŝipoj el mara profundo,* Bogdanfy Odön (38). — *Reformo de la kalendaro,* B. T; nen (39). — **Orlento kaj Okcidento:** *Oomoto, nova spirita movado en Japanujo,* R. Kitamura (40). — **Literaturo:** *Literatura Konkurso* (41); *Poeto de historio, Michelet,* Edmond Privat (42); *Poezio kaj Popolo; Presistoj kaj Humanistoj,* Michelet (42—43); *La kanarioj,* humoraĵo, J. F. Schütz (44). — **Pensoj pri la Vivo:** *Penspovo kaj frateco,* Van den Broek (45). — **Tra la mondo esperantista:** (46—51). — *Radio* (52). — *Alvokoj* (53—54). — *Lingvaj Studoj* (55). — *Universala Esperanto-Asocio, Oficiala Informilo* (56—58). — *Esperantista Parolejo* (58). — *Ŝako* (59). — *Reklamoj* (60) —

## Internacia sukceso en Lyon.

La urbestro de Lyon, S-ro *Herriot,* malfermis tie la 1an de marto internacian sciencan kongreson por akceli la komercajn rilatojn inter popoloj. La dua rezolucio, kiun ĝi alprenis, konstatis la neceson de helpa mondlingvo, aprobis la decidojn de la Venezia Konferenco kaj rekomendis la tujan instruadon kaj uzon de Esperanto. La interveno de la franca societo „Esperanto et Commerce“ kaj de la Itala Komerca Ĉambro por Svislando renkontis tre simpatian akcepton: la unuanimecon de la baloto rompis nur la sola voĉo de belga profesoro Ansiaux, kiu prezidis la kunsidon.

Post la raporto de S-ro Bobin kaj la nia, respondis al la prezidanto la Lyon'a profesoro Antonelli kaj S-ro Kenn, kiu tre impresis la aŭdantaron montrante, kiel flue ĉino povas improvize paroladi esperante, dum li devus silenti france aŭ angle post multaj jaroj da lernado.

Profitante la vojaĝon ni vizitis en Lyon S-ron Herriot, kiu ludas en sia lando kaj ankaŭ en Eŭropo gravan rolon en la nuna tempo, krom sia estreco de la urbo de Lyon kaj ties foiro. Jam delonge ni opiniis tian viziton tre necesa por esti preparataj al ĉiu ajn eventualeco. Pli bone iom antaŭvidi ol poste kuraci. La konata ŝtatisto certigis nin — kaj konsentis, ke ni publikigu tion — ke li malaprobas la ministran cirkuleron kontraŭ Esperanto kaj konsiderus kiel devon ĝin nuligi, ĉar oni devas ja faciligi per ĉiuj praktikaj rimedoj la rektajn rilatojn inter la popoloj. Ni ŝuldis tiun informon al la esperantistaro, eĉ lasante absolute flanke ĉiun ajn intervenon en la aferoj de la franca popolo, ĉar ni ja konstatis la internaciajn sekvojn de ies aŭ alies sinteno rilate al nia movado. Ni povas nur esperi, ke niaj francaj amikoj faros ĉion, por ke ilia registaro, al kiu ajn partio ĝi apartenos, ne plu baru la vojon al Esperanto per sia potenca influo ekstera kaj interna.

* * *

La naciaj societoj reprezentataj en K. R. kaj la delegitoj de UEA per ĝenerala balotado konfirmis la elekton de la Centra Komitato de la esperanta movado, kiu do komencas kun la printempo 1924 sian plene laŭleĝan funkciadon. La Ĝeneva kunsido de UEA kun K. R. ebligos atentan ekzamenon de la nuna situacio kaj mezuron de niaj fortoj. La Centra Komitato submetos diversajn demandojn al la atenta studo de la partoprenontoj.

En la proksima numero de „Esperanto“, kiu aperos frue en aprilo, ni publikigos dokumentaron pri la situacio de nia movado kaj la plej urĝaj bezonoj. Unu el tiuj estas ŝparo de senutilaj elspezoj por pli serioze financi la gravajn, ĉefe propagandajn. Ĉio antaŭvidigas, ke la venonta vintro estos intensa laborjaro por la esperantistoj. Ni estu pretaj!

*Edmond Privat.*



# NATURO KAJ SCIENCO



## Suprentiro de ŝipoj el mara profundo.

*Tiu ĉi artikolo estas tradukita el la „Revuo de la „Hungara Naturscienca Asocio", nune la plej granda naturscienca organizaĵo de la mondo. — Verkinto:* Bogdánfy Ödön. — *Kun permeso de la Asocio.*

La teruraj memoroj de la monda milito iom post iom malaperas. La homaro faras grandajn fortostreĉojn por malaperigi la ruinojn. Pereiĝintaj komunumoj, minejoj, pontoj, fervojoj kaj akvovojoj rekonstruiĝas kaj baldaŭ restos nur en la animoj maldolĉa sento pri detruo kaj poste la tempo fine ĵetos vualon ankaŭ sur tiujn rememorojn....

La forigo de la surteraj ruinoj estas multe pli facila kaj rapida ol la forigo de ruinoj kaŝitaj de la marprofundaĵoj. Elstarantaj mastoj kelkfoje konkrete atestas ilian ekziston.

La plej multaj subakviĝintaj ŝipoj troviĝas en profunda akvo; konante nian hodiaŭan teknikon, oni eĉ ne povas pensi pri ilia suprentiro. Sed ne estas tiel, se la ruinoj troviĝas en ne tro profunda akvo je danĝero de la navigado. Ili devas esti signalitaj per buoj. (Naĝbareletoj). Precipe ĉe haveneniroj ili estas tre danĝeraj. Konsiderante la altan valoron de tia ŝipruino, la suprentiro signifas ankaŭ profiton por la entreprenanto. Tial oni nun faras ampleksan laboradon por suprentiri multajn ŝipojn. Ĉe la francaj bordoj subakviĝis sole kelkcent ŝipoj:, jen kiel grava estas la problemo. La ŝipoj, kiuj troviĝas ĉe la nordaj bordoj de Bretagne, kuŝas en 100 metra marprofundo, oni do ne povas savi ilin. Antaŭ ĉio ni ekzamenu, el kia profundeco oni povas suprentiri ŝipon kun kontentiga rezultato.

Post preciza konstato de la kuŝloko oni antaŭ ĉio devas sendi skafandrulon. Li devas ekzameni la ruinaĵon. Sekvas la demando, en kiu profundeco li povas ankoraŭ bone labori? La enprofundiĝo estas relative facila akto, la laboro sub la maro estas tre malfacila afero. La plej granda ĝis nun atingita profundo estis 80 m, sed pri laboro tie oni eĉ ne povis pensi. Oni ĝenerale emas kredi, ke la akvopremo malhelpas la laboradon kaj atingon de pli grandaj profundaĵoj. Sed ne estas tiel. La homa korpo estas ja solida kaj ĝiaj likvaj partoj estas nekunpremeblaj; se la homo enprofundiĝas en likvan aŭ gasforman medion, la ekstera kaj interna premoj ekvilibras unu la alian. Tre ĝuste rimarkas Regnard kaj Portier: ... „se la premoŝanĝo eĉ ne efikas fizike sur homon kaj animalon, la kemia ŝanĝo estas jam grandega ..." Fizika ŝanĝo estas la oreldoloro, kaŭzita per premodiferenco inter la du flankoj de la orela tamburo. La premomalaltiĝo manifestiĝas diverse. Grave estas scii pri la tempo pasigita sube kaj pri la rapideco de la suprentiro. La akvopremo kreskas kun la profundeco, nome ĉiu 10 m da akvokolono signifas 1 atmosferon pli. Ĉe 40 metra profundo la submariĝinto devas porti 4,112 atmosferojn pli ol supre. Pro tio li bezonas ĉ. 200 l. da aero por spiradi pominute, dume ĉe 10 m li bezonas nur 80 litrojn.

Ĉe alta premo la gasinterŝanĝo en la pulmo okazas alimaniere ol ĝenerale. La karbodioksid'enhavo de la sango restas preskaŭ la sama. La oksigen'enhavo jam kreskas proporcie al la profundeco, sed sen iu danĝero. La nitrogeno ankaŭ rapide plimultiĝas. Konforme al la kemia-fizika leĝo de Dalton*) ĉe 5 atmosfera premo la sango enhavas trioblan nitrogenon. Sekve, se la enprofundiĝinto estas suprentirata tro rapide, la absorbita nitrogeno en lia sango liberiĝas laŭ la sama proporcio, pro la rapida procedo ĝi ne trovas tempon forlasi la korpon tra la pulmoj, sed ĝi kondensiĝas en la vejnoj kaj koro. Sed, se la suprentiro okazas sufiĉe malrapide, la nitrogeno forlasas la korpon en formo de delikataj bobeloj.

La enprofundiĝo okazas per la rapideco de 5 $\frac{m.}{sek.}$, sed la suprentiro devas okazi pli malrapide. Ĝia tempodaŭro estas funkcio de la submare pasigita tempo kaj profundeco.

Kuracistoj de la brita maristaro ellaboris manieron de laŭetaĝa suprentiro („stage decompression"); ĝi reprezentas 50% da tempoŝparo kaj estas absolute sekura.

La angiaj kuracistoj Boycott, Haldane kaj Damant starigis tabelon, el kiu oni povas legi sekvantajn datojn: la necesa tempodaŭro de la suprentiro; la daŭro de la ripozo sur ĉiu „etaĝo"; la tempo pasigebla sur la fundo. La tabelo validas ĝis 63 metroj.

Laŭ tiu ĉi fonto ni vidas, se ni laborus unu horon en 50 m profundeco, ni bezonas 203 minutojn por la suprentiro. En tiu profundo regas 5 atmosfera premo kaj ni ne povas labori pli ol 2 horojn modere. Sed pli ol 2 horojn ni eĉ ne povus resti sube, ĉar ni bezonas 20 minutojn por enprofundiĝi, 2 horojn por la laboro, 3 horojn kaj 53 minutojn por la suprentiro, sume ni bezonas 5 horojn kaj 43 minutojn: tiu ĉi estas jam multo. Ni ne forgesu, ke la enprofundiĝinto laboras per nudaj manoj en la malvarma akvo kaj kaŭze de la malvarmiĝo ĉe la manoj la korpo mem malvarmiĝas. Plie, se la enprofundiĝinto faras streĉan laboron, ekz. li fiksas ĉenon, rapide li laciĝas. La limo de la profundeco en kiu skafandrulo povas labori estas do ĉe 60 m. Se la ŝipo troviĝas en malpli granda profundo, oni rajtas do esperi, ke ni sukcesos savi ĝian ŝarĝaĵon aŭ en speciala okazo oni povos suprentiri la tutan ŝipon.

La savo de la ŝarĝaĵo okazas simple. Mara ŝipo kruce stariĝas super la ŝip-ruino. Skafandruloj alĉenigas la varojn, troviĝantajn sube, la ĉenoj estas suprentirataj per konforma levilo.**) Unu skafandrulo povas savi ĉ. 5 tunojn da varo potage (per 4 hora laboro) kaj 8—10 skafandruloj povas labori kune. Do la savo de 3000 tuna ŝipŝarĝaĵo daŭras 60—120 tagojn.

La suprentiro de la ŝipruino mem povas okazi diverse, laŭ la tuno-amplekso de la ŝipo kaj laŭ la fundoprofundeco.

La plej simpla metodo estas la mekanika suprentiro. Oni transigas kelkajn ĉenojn sub la ŝipruino kaj pere de ĉi tiuj ĉenoj oni suprentiras ĝin. Ankaŭ al naĝanta doko oni povas fiksi la ruinon kaj ĝi leviĝos kun la doko.

Sed tiaj dokoj posedas malgrandan suprentiran forton, ili servas plejparte nur por suprentiro de submaraj boatoj, kies enhavo ne superas 1000 tunojn. Se la ŝipruinaĵo troviĝas nur en 10 m profundo, antaŭ ĉio la skafandruloj enŝtopas ĉiujn aperturojn per bretaro kaj lanbuloj. Poste oni fiksas du tubojn kondukantajn supren. Per la unua tubo oni elpumpas la akvon el la ŝipruino, tra la alia tubo penetras aero en la

*) Noto de la tradukinto. Supre citita leĝo de Dalton difinas:
„Kondiĉe, ke la gasoj, formantaj miksaĵon, ne efikas kemie inter si, la premo de ĉiu opa gaso devas esti elkalkulata tiel, kvazaŭ la respektiva spaco estus plenigita nur de la certa gaso mem sen ĉeesto de la aliaj gasoj. La premo de la sama gasmiksaĵo estas la integralo de la partoj."

**) helicsistemo kun dentrada mekanismo. Noto de la tradukinto.

ŝipinternaĵon. La aera premo nun levas la ŝipon.*) Ofte la ferdeko de la ŝipruino devas suferi tian altan akvopremon kian ĝi ne povas elteni, sekve ĝi rompiĝas. Tial oni nove nur singarde aplikas supran metodon. La elpumpado okazas hodiaŭ per elektromotoroj kaj tiuj motoroj estas izolitaj tielmaniere, ke ili povas labori kun bona efiko submare.

Plej ofte oni eligas la akvon el la ŝipruininterno pere de aera premo. Ankaŭ tiam skafandruloj enŝtopas la aperturojn de la ŝipruino. Per tubo ili enpremas kondensitan aeron, kiu elpelas la akvon. Sed tiu ĉi procedo postulas severan atenton.

Ni supozu, ke la ŝipruino troviĝas 40 metrojn profunde. Tiuokaze 5 atmosfera premo estas minimume bezonata por la elpelado de akvo.

16 $m^3$**) da aero okupas la spacon de 8 $m^3$ ĉe 10 m profundo, ĉe 20 m profundo ĝi okupas nur 4 $m^3$, ĉe 30 m nur 2 $m^3$ kaj ĉe 40 m nur 1 $m^3$ da spaco. Tial, se la ŝipo leviĝas tro rapide, la aero kiu fariĝas superflua ne povas sufiĉe rapide foriĝi tra la ventiloj, la sekvo estas, ke ĝi trarompas la ferdekon. 1000 $m^3$ da aero vastiĝas je 10000 $m^3$ leviĝante de 40 m profundo ĝis akvospegulo. Se la pereo de ŝipo okazis pere de torpedoeksplodo oni unue fermas la aperturon per fojnoplektaĵo aŭ elasta lignovindaĵo. Tiu ĉi procedo enkaŝas malfacilaĵon. La eksplodo ŝovas ofte la pancertavolon de la ŝipo flanken, pro tio oni devas detranĉi la elstarantajn partojn. Pro tiu celo oni uzas acetilenan tubon. Tiu ĉi aparato estas duobla tubo; el la ekstera tubo penetras aero, el la interna tubo acetilena gaso. Per tiu ĉi tranĉilaparato oni povas hodiaŭ labori maksimume en 10 m profundo.

Oni povas imagi la malfacilaĵojn kiuj prezentiĝas ĉe suprentiro de iu ŝipo-grandegulo. La laboro komencita devas esti konsekvence kaj senlace daŭrigata ĝis la fino, se oni ne deziras riski la sukceson de la tuta entrepreno.

Sed la senlaca laboro ofte alportas grandan utilon, brilan rezulton. Ekzemple la franca maristaro suprentirigis la subakviĝintan ŝipon „Novara“ apud Brindisi. Tiu ĉi ŝipo havis 26000 ĉevalpovan maŝinaron. Ĝi estis pancera krozanto de la aŭstra ŝiparo. En Francujo tri entreprenoj okupiĝas pri suprentiro de ŝipoj. La kondukantoj de tiuj societoj estas eminentaj oficistoj de la maristaro kaj tekniko kaj la savŝipoj estas direktataj de altrangaj maroficiroj. Ilia ĝisnuna sperto estas garantio por la sukceso.

Dum mallonga tempo oni forigos la ruinojn de la plej uzataj akvovojoj kaj la saveblaj varoj estos ankaŭ suprentirataj. Sed la tielmaniere savita havaĵo estas nur eta parto de la granda riĉaĵo pereigita de la mara, speciale per la submara milito.

Tradukis el la hungara lingvo
*Jozefo Major.*

---

# Reformo de nia kalendaro.

*B. T: nen.*

Mankoj de nia nuna Gregoria kalendaro estis konataj jam de longe. La plej granda el ili estas, ke ne ekzistas iu reguleco inter la tagoj de monato kaj tiuj de semajno. Tiel la unua tago de la jaro 1923 estis lundo; sekve la unua tago de la jaro 1924 estis mardo, kaj ĉar la jaro 1924 estas superjaro, la unua tago de la sekvonta jaro estos ĵaŭdo. Plue la jarkvaronoj ne estas egalaj, ĉar diversaj monatoj povas havi po 28, 29, 30 aŭ 31 tagojn. La internaciaj nomoj de la monatoj estas arbitre elektitaj, kaj la nomoj de la lastaj kvar monatoj estas tute maltrafaj, ĉar ili estas prenitaj de la 10-monata jaro de la antikvaj romanoj. Ekz. septembro estas laŭvorte la sepa monato, kvankam ĝi efektive estas la naŭa ktp. La komenca tago de la jaro ne korespondas al la astronomiaj periodoj kaj jarkvaronoj. La paska festo povas okazi kiam ajn inter la 22 marto kaj la 25 aprilo, inkluzive tiujn ĉi tagojn, kio siavice kaŭzas maloportunaĵojn en multaj rilatoj: al publika instruado, verdiktado, komerco kaj eĉ al eklezia agado. Sen pluaj klarigoj estas evidente por ĉiu, kian grandan avantaĝon oni atingus, se oni sukcesus forigi ĉiujn ĉi mankojn de nia kalendaro. Pro tio ekzistas nur unu rimedo: enkonduko de konstanta kaj fiksa kalendaro.

La granda publiko eble ne scias, ke pri forigo de tiuj mankoj oni interesiĝas jam depost jarcentoj, eĉ jarmiloj. Jam Julio Cezaro volis fiksi komencon de nova jaro je la vintra solstico. Li rezignis je sia intenco nur, ĉar li timis endanĝerigi akcepton de sia tuta kalendarreformo. Iuj nuncioj de la papo Gregorio XIII, la patro de nia nuna kalendaro, proponis al la papo, ke kristnasko estu festata je la vintra solstico, ĉar tiu ĉi solstico laŭ ilia opinio estas rigardota kiel komenco de eklezia nova jaro. La nepran antaŭkondiĉon de racia reformo, nome la neeviteblan rompon de kontinueco de semajnoj akcentis unue la klera abato Mastrofini 1835, kaj post li la ideon de priparolata reformo disvolvis en sama direkto tiaj eminentuloj de scienca mondo kiel Comte, Flammarion, Baar k. a. Krom tio la demando estis pritraktata ĉe pluraj internaciaj sciencaj kongresoj. La papo Leo XIII deklaris 1884, ke li ne kontraŭstaros fiksadon de pasko, kiam nur estos efektivigita laŭastronomia reformo de kalendaro. Tiel la plej granda eklezio kaj eminentaj scienculoj rekonis gravecon de la afero. La komerca mondo ĉe multaj kongresoj de komercaj ĉambroj ankaŭ fervore rekomendis starigon de konstanta kaj fiksa kalendaro. La afero estis krom tio objekto de plejeble aŭtoritata kaj kompetenta pritrakto ĉe konferenco, kiun kalendarreforma komitato de la Internacia Astronomia Asocio aranĝis en Romo en majo 1922. Ĉi tiu konferenco estis rimarkinda en tiu rilato, ke ĝin partoprenis, certe neoficiale, reprezentantoj de la romkatolika, la anglikana kaj la grekkatolika eklezioj, tiel ke decidoj de la konferenco povas esti konsiderataj kiel antaŭsignoj por la pozicio de la nomitaj grandaj eklezioj rilate al la priparolata demando.

Laŭ opinio de la konferenco kiel bazo de la reformo povas esti metata nur la nuna Gregoria kalendaro. Ĝi nome havas malpli da mankoj ol la aliaj kalendaroj. Ĝi ankaŭ estas la plej konata kaj, laŭ sia astronomia fundamento, tiel preciza, ke ĝi povas esti uzata ankoraŭ 4000 jarojn. De tio sekvas, ke la komenca punkto de la kristana kalendaro estas konservinda, kiel ankaŭ la Gregoriaj 400-jaraj periodoj. Sen ia ŝanĝelo de la scienca strukturo kaj de la komenca punkto de nia nuna kalendaro, la menciita kalendarreforma komitato do volas nur, konsiderante bezonojn de la vivanta vivo, realigi certan internan reguligon en la limoj de la jarkalendaro. Sub tiaj kondiĉoj estas antaŭ ĉio korektinda tiu arbitro, kiu, deflankiĝante de la fiksa suna jaro, dekretis, ke nova jaro komenciĝas 10 tagojn post la vintra solstico. Koincidigante komencan tagon de jaro kun la vintra solstico, la 22 decembro, oni atingas pli bonan harmonion inter la jarkvaronoj kaj la astronomiaj sezonoj. Eĉ iuj religiaj kaŭzoj ne kontraŭas al tiu natura korekto.

Laŭ opinio de la komitato semajnoj devas dividiĝi je 7 tagoj po 24 horoj, sed la absoluta kontinueco de la semajnoj devas esti rompata, kio ĝuste estas la plej delikata kaj la plej esenca punkto de la reformo. Iu serioza kaj reala reformo ne estas plenumebla, kaj la kalendaro ne estos konstanta kaj apogata sur la fiksa suna jaro, se ĉiu jaro ne konsistos el difinita nombro da plenaj 7-tagaj semajnoj. Tamen neniu el la nombroj 365 kaj 366 estas precize dividebla per 7. Kontraŭe super la 52 semajnoj

---

*) Principo de Arhimedo. Noto de la tradukanto.

**) $m^3$: kubikmetro. Noto de la tradukanto.

restas 1 aŭ 2 tagoj, kiuj laŭ senco de la reformo ne estas transporteblaj al sekvanta jaro. La kontinueco de la semajnoj do devas esti rompata tiel, ke jenaj superfluaj tagoj kiel „sennomaj" estas envicigataj inter iuj difinitaj semajntagoj kaj alkalkulataj al koncerna jaro.

En la komitato oni ankaŭ proponis enkondukon de nova kalendaro, nomita Chronos, kiu celas dividon de jaro je 13 egale longaj monatoj po 28 tagoj aŭ 4 semajnoj. Oni tamen unuanime decidis rekomendi konservon de 12-monata *oficiala* jaro, dividata je kvar 3-monataj periodoj po du 30-tagaj kaj unu 31-taga monato. Ĉiu jarkvarono do havus 91 tagojn, distribuatajn je 13 plenaj semajnoj. La Chronos-kalendaro estus nur fakultativa helpsistemo, uzebla en specialaj fakoj. Samtempe la komitato, ne farante iun precizan projekton, proponis, ke la monatoj estu nomataj laŭ ilia numera ordo aŭ ke almenaŭ nomoj de la 4 lastaj monatoj estu ŝanĝitaj. Dato de la paska festo varias multe ĉiujare. Tio devenas de tiu lun-sun-jaro, kiu estis uzata de la hebreoj, kiam la kristanoj unue komencis festi paskon. Estus do tute motivite harmoniigi ankaŭ festotagon de la pasko kun la suna jaro. Ĉar la demando tamen estas ĉefe eklezia demando, kvankam tre grava ankaŭ por la praktika vivo, la komitato rilate al ĝi kontentiĝis per nura deziresprimo, ke la kristanaj eklezioj sukcesu fiksi iun certan daton por festo de pasko.

Oni havas multajn neoficialajn kaj eĉ oficialajn konferencojn kaj kongresojn, kies eĉ bonaj decidoj restas nur piaj deziroj sen iaj realaj rezultoj, ĉar registaroj ne interesiĝas pri koncernaj aferoj. La priparolata reformo estas krom tio tiel vastinflua kaj tuŝas tiel profunde vivon de ĉiuj kulturnacioj, kaj eĉ tre energia iniciativo de iu izola registaro ne povus ĝin multe antaŭenigi. La aferon tamen favoris eksterordinara bonŝanco, ĉar la Ligo de Nacioj ekuzis sian aŭtoritaton por zorgema esploro de la reformo. Starigita de la Ligo de Nacioj, komisiono por komunikaĵoj kaj transira trafiko nome pritraktis la demandon pri kalendara reformo en sia kunsido la 31 aŭgusto 1923, ĉe kiu ĉeestis oficialaj reprezentantoj de la papo, de la ekumena patriarko kaj de la arĥiepiskopo de Canterbury. La komisiono venis al jenaj konkludoj:

1. la dogma vidpunkto la reformo de la kalendaro ne kaŭzas nevenkeblajn malfacilaĵojn eĉ koncerne la daton de pasko;
2. la reformo tamen ne estas realigebla, se ĉefaj organoj de la diversaj eklezioj ne konsentas je ĝi; kaj
3. krom la konsenton de la eklezioj, la reformo ankaŭ bezonas subtenon de flanko de la publika opinio, kiu devas konvinkiĝi pri la granda utilo, kiun la reformo alportos en ĉiuj sferoj de publika kaj ekonomia vivo.

Plua analizo de la demando estis komisiita al speciala esplora komitato, kiu havas kiel prezidanton S-ron Jonkheer van Eysinga kaj kiel membrojn kvin rimarkindajn reprezentantojn ne nur de diversaj eklezioj sed ankaŭ de astronomiaj kaj komercaj rondoj. La komitato devas meti kiel bazon de sia laboro referatitan ĉi-supre planon, ellaboritan de sciencistoj. Komuniko pri la projektata reformo estas sendata al ĉiuj registaroj kaj ekleziaj aŭtoritatoj, kiuj siavice estas petataj sendi ĉiujn eventualajn rimarkojn kaj proponojn al la priparolata esplora komitato antaŭ la 1 marto 1924. La respondoj al la enketo estos konsiderataj nur kiel konsultativaj, sekve ne kiel devigaj por koncerna registaro. Poste oni eble kunvokos konferencon por definitive decidi pri la reformo de la kalendaro.

La lasta ĝenerala kunsido de la Ligo de Nacioj sankciis ĉi ĉiujn aranĝojn kaj tiel enregistris en sian programon ankaŭ la demandon pri la kalendara reformo.

El la finna gazeto „*Usi Suomi*"
mallongige tradukis *O. Wigren.*

# ORIENTO KAJ OKCIDENTO

## *OOMOTO.*

### *Nova spirita movado en Japanujo.*

R. Kitamuro (Kioto).

*De nia fidela delegito en Kioto, S-ro Hideo Jaghi, ni ricevis la jenan tre interesan artikolon pri la nova spirita movado, kiu ĵus oficialigis Esperanton por sin disvastigi tra la tuta mondo. Ni ĝin publikigas kiel dokumenton de valora informado al niaj okcidentaj legantoj, kiuj deziras scii iom pri la movado de l' ideoj en Oriento. (Red.)*

Sur la landkarto vi trovos, nord-okcidente de Kioto, malgrandan urbeton Ajabe. Al ĉi tiu urbeto du horoj da veturado vin portos de Kioto, malnova ĉefurbo de Japanujo kaj famkonata pro belaj pejzaĝoj. Tie en Ajabe naskiĝis en la jaro 1892 religia movado nomata „Oomoto", sed ankoraŭ pasis nur kelkaj jaroj, de kiam ĝi allogis ĝeneralan atenton de la mondo, kaŭze de sia fervora propagando kaj misteroplena profetaĵo.

Kelkaj rigardas ĝin kiel novan religion kun rimarkinda potenco, aliaj kritikas, ke ĝia naskiĝo signifas rebaton kontraŭ la blinda imitado de japana popolo al okcidentaj kulturoj materiaj.

La urbeto lokas sin sur malgranda ebenaĵo ĉirkaŭata de montoj. Ĝin trafluas pura kaj trankvila rivero *Jura*, apud kiu staras rondpinta kaj verda monteto *Hongu*. Strange la tera karaktero estas tre simila al tiu de Jerusalemo. La monto *Hongu* respondas al la *Monto Olivarba* kaj la rivero *Jura* al *Jordano*. Pro tio la religianoj pensas, ke Ajabe estas Jerusalemo de l' oriento kaj adoras la lokon kiel sanktejon.

La Oomoto'anoj predikas pri potenco de vortoj. Kiel en la Nova Testamento estas skribite, ke „En la komenco estis la Vorto, kaj la Vorto estis kun Dio, kaj la Vorto estis Dio", ili ankaŭ kredas, ke vortoj estas jam per si mem Dio. Ili ne dubas, ke vortoj de sankta asketo povas libere superregi la naturon kaj ordoni ofte al naturaj fenomenoj, ekzemple al pluvo, tondro, hajlo, vento k. a.

Tiu religio alprenis oficiale Esperanton en la lasta tempo por disvastigi la principon kaj konigi ĝin al la tuta mondo. Nun ĉiuj religianoj lernas, parolas nian lingvon. Pli rimarkinde estas, ke la esperanta homaranismo ankaŭ koincidas kun la ideo de Dia Amo predikata de ili. Ili antaŭdiras, ke tiuj, kiuj ne komprenos Esperanton, fariĝos en kelke da jaroj maltaŭgaj en la socio.

La vorto Oomoto signifas japanlingve originon de mondo, radikon de ĉiu estaĵo. Kio do estas la deveno de tiu ĉi nova religio? La kreinto estis maljuna virino nomata Nao Deguĉi, kiu ricevis inspiron de Dio por ĝisfunde reformi tiun materialisman mondon kaj krei novan spiritan paradizon sur la terglobo. Dum sia tuta vivo (1835—1918) la kreintino, ricevante ĉian mizeron kaj doloron, ĉiam admonis al la mondo, ke la homoj faru konfeson kaj proksimiĝu al la evangelio de Granda Dio. Ŝi skribadis multe da profetaĵoj, kiuj nomiĝas „Fundamento de la religio". La nuna ĉefo Wanisaburo Deguĉi, bofilo de l' kreintino, estas ankaŭ denaskita inspirato, nun 53-jara, energia batalanto por sia principo. La kreintino respondas, en Kristanismo, al Johano, baptinta popolon per akvo kaj tiu Wanisaburo respondas al Kristo, kiu baptis popolon per fajro. Pere de tiuj ĉi du personoj, tiel kredas la anoj, la Dia misio elvualiĝos kaj la ora mondo de Amo estos ekstarigita.

La principo de Oomoto estas Konkordo, Paco, Pureco kaj Progreso. El iliaj kredoj mi citos kelkajn:

1. Dio estas la spirito de l' universo kaj homo estas la administranto de l' mondo.
2. Homa korpo estas vivania kapelo de Dio.
3. Ĉiu religio, politiko, fiziologio aŭ etiko, moralo — — ĉiu devas unuiĝi kun la principo de Oomoto. Ĉiuj ekzistantaj religioj estas antaŭirantoj de Oomoto.
4. Per dia amo la tuta mondo unuiĝos por ĉiam en harmonio kaj paco.
5. Spirita forto de homo, precipe de homo inspirita, estas granda.
6. La homaro devas liberiĝi de egoismo kaj reveni al la universala amo.
7. La eterna paco tutmonda estas nur akirebla per senarmila rimedo.

Wanisaburo publikigis ĝis nun multajn librojn pri la spirita mondo, t. e. la postmorta mondo. De 1921 li laboradas ampleksan verkaron „Rakontoj el spirita mondo". Li nur babilas rapide en la lito kaj kelkaj skribistoj apud li sidantaj diktas liajn vortojn. Tiamaniere pretiĝas unu volumo konsistanta el 120000 vortoj en tri tagoj. Ĝis nun eldoniĝis 65 volumoj. Oni kredas, ke tiu ĉi verkaro devas esti evangelio ne nur por homo, sed por ĉiu kreitaĵo, kaj samtempe ĝi estas libro de mirakloj, profetaĵoj, respondanta al Biblio, Korano aŭ Budha Sankta Skribaĵo. Estas tute rimarkinde, ke la Oomoto'anoj akcentas absolutan veron de siaj deklaroj kaj profetaĵoj, dirante, ke Dio ne ekzistus plu, se eĉ malgrandega eraro troviĝus en ili. Laŭ la profetaĵoj, ĉiuspecaj malbonaĵoj, epidemio, milito, katastrofo k. a. sinsekve persekutados la homaron, ĝis ĝi konfesos sian pekon kaj alproksimiĝos al Dia altaro.

Bahai movado, nove propagandata en Eŭropo, multe similas al la esenco de Oomoto. Antaŭ ne longe du bahaistinoj vizitis Ajabe por interŝanĝi opiniojn reciproke, kaj ili diras, ke la edifanto de la mondo, difinata de Abdul Baha, estas bone rekonebla en la personeco de Wanisaburo. Fine mi sciigas al legantoj, ke la religianoj akceptas ĉiun vizitanton ameme kaj afable, tute sendiference pri religio aŭ nacieco. Oni povas korespondi en Esperanto al la Centra Oficejo de Oomoto en Ajabe, Kioto provinco.

# LITERATURA KONKURSO

## Xaj Internaciaj Floraj Ludoj.

Al la esperantistaj verkistoj!

La Komitato de la Xaj Internaciaj Floraj Ludoj vin salutas kaj invitas partopreni en la jenaj konkursoj.

*Ordinaraj temoj:*

Originalaj tekstoj:

1. Originala versaĵo kantanta Amon.
2. Originala Ama verko en prozo.

Tradukitaj tekstoj:

1. Traduko de unu el la jenaj versaĵoj.

*Eksterordinaraj temoj:*

1. Premio de la Ekscelenca Urbestraro de Vich: 300 pesetoj. Temo: Originala verko.
2. Premio de Lia Moŝto D-ro Francisco Muñoz, Episkopo de Vich: 100 pesetoj. Temo: „La Katolikismo kaj la Paco".
3. Premio de Lia Moŝto S-ro Albert Rusiñol, Parlamenta deputito de Vich: Artobjekto. Temo: Laŭvola.
4. Premio de la Terkulturista Ĉambro Ausetana: 50 pesetoj. Temo: Laŭvola.
5. Premio de la Terkulturista Sindikato de Vich: 50 pesetoj. Temo: Laŭvola.
6. Premio de la Vika Industria Societo: 50 pesetoj. Temo: Laŭvola.
7. Premio de la Katolika Junularo: 50 pesetoj. Temo: Traduko de versaĵo aŭ prozaĵo de la fama poeto kataluna Verdaguer.
8. Premio de la Grupo Vika Esperantistaro: 100 pesetoj. Temo: Originala teatraĵo aŭ novelo.
9. Premio de la Kanariistoj de Vich: Bela ekzemplero de la famaj Vikaj kanarioj en latuna kaĝo. Temo: La amo al la birdoj.
10. Premio de la komerca firmo Vda. de J. Sendra: Tipa kolbaso de la speciala ellaborado kiu famigis la urbon Vich. Temo: Bonhumora versaĵo. [La donacanta firmo oferis sendi en konvena pakaĵo tiun premion al iu ajn lando.]
11. Premio de Vika Kazino: 50 pesetoj. Temo: Lauvola.
12. Premio de la „Kataluna Esperantisto": Dumviva abono al la gazeto. Temo: Pri la esperanta versfarado.
13. Premio de Ateneu Enciclopèdic Popular: 25 pesetoj. Temo: Laŭvola.
14. Premio de la Grupo Barcelona Stelo: Tri lukse binditaj volumoj enhavantaj la faman tradukaĵon de Kabe „La Faraono". Temo: Rakonto pri „Kio plej impresis min dum mia vivo".

Aliaj eksterordinaraj premioj espereble estos proponataj. Ni anoncas ilin en proksima numero de „Kataluna Esperantisto".

Inspiron al ĉiuj por la gloro de nia Literaturo!

*Th. Cart*, prezidanto. *Julio Baghy. Jacinto Bremón. Jacinto Comella. Estanislau Pellicer. Jaume Grau Casas*, sekretario.

*Barcelona*, Septembro 1923.

*

*Notoj:*

1. La aŭtoroj de la kvar premiitaj Ordinaraj temoj [Originalaj tekstoj 1, 2; Tradukitaj tekstoj 1, 1] ricevos lukse binditan ekzempleron de la verko „Amfitriono" de la senmorta Molière, majstre tradukita de Sinjoro E. Legrand.
2. Al la aŭtoro de la plej bona teksto [versaĵo au prozaĵo] el la kvar ordinaraj premiitaj verkoj, la komitato aljuĝos la Naturan Floron kaj la rajton elekti Reĝinon de la Festo.
3. La verkoj prezentotaj devas esti verkitaj en plene Fundamenta Esperanto kaj ne ankoraŭ eldonitaj nek anoncitaj.
4. La Festo de la Xaj Internaciaj Floraj Ludoj okazos en Vich, dum la XIa Kongreso de Kataluna Esperantista Federacio, en Junio 1924.
5. Sur la manuskriptoj — kiuj devas esti ricevitaj antaŭ la 15a de Aprilo 1924 de la Sekretario de Floraj Ludoj [S-ro Jaume Grau Casas, Claris, 72, Barcelona] — oni devas skribi devizon, kaj sendi en koverto fermita, kiu portos la saman devizon, la nomon kaj adreson de la verkinto.
6. Manuskriptoj ne estos resendataj, eĉ se ili alvenis post la datolimo por akcepto de verkoj. Oni konservu kopion de la manuskriptoj.
7. La membroj de la Juĝontaro partoprenos en neniu el la konkursoj.
8. La komitato publikigos la verdikton per „Kataluna Esperantisto" kaj per la esperantaj kaj katalunaj gazetoj kiuj bonvolos ĝin represi.
9. La premiitaj verkoj fariĝos propraĵo dum unu jaro de la Komitato de la Floraj Ludoj, kiu zorgos pri ilia publikigo sur „Kataluna Esperantisto" aŭ „Literatura Mondo". Permeson por reprodukto dum tiu unua jaro oni devas peti de la Redakcio de „K. E.".
10. Eventuala aljuĝo de Subpremioj nur signifas honoran mencion, ĉar ne estas iuj efektivaj premioj krom tiuj difinitaj en la nuna Alvoko.



# LITERATURO



## Poeto de Historio: MICHELET

de *Edmond Privat.*

☆

La Francoj jus solenis la kvindekjaran datrevenon de la tago, kiam mortis en 1874 ilia granda historiisto Jules Michelet. Ofte nur la vorto historiisto vekas bildon de teda, pedanta bibliotekulo kun polvoplenaj okulvitroj, postlasinta senfinan kvanton da volumegoj, neniam malfermatajn de sinjorinoj, escepte por ekzamenoj universitataj.

Pri Michelet estas tute alie. Virinoj ŝatas liajn verkojn kaj li mem amis la virinan koron. Li eĉ skribis faman libron: La Virino. Lia stilo estas tiel kolora, poezia, kaj elokventa, ke ĉio sub lia plumo fariĝas viva. Homoj, popoloj sentas, agas, pulsadas en ciuj ĉapitroj de Michelet kvazaŭ en Shakespeare'a tragedio. Li estas vera poeto de Historio.

Kompreneble multaj pedantuloj, ne kapablaj uzi lian aŭ ian lingvon eĉ centone tiom bele kaj lukse, volonte ridetas pri lia „dubinda scienco". Ŝajnas al ili, ke granda verkisto, kiu sciis ludi la harpon de la franca lingvo tiel bone kiel oratoro Bossuet aŭ prozisto Châteaubriand, ne povis krome sin pruvi serioze dokumentita. Ĵaluzo diktas tiun juĝon.

Eĉ hodiaŭ kompetenta konanto pri la franca revolucio, kiel ekzemple Profesoro Aulard, atestas, ke li dum kvar jaroj laboris super tiu temo por kontroli la fontojn uzitajn de Michelet kaj li povis nur admiri kiom akurate, senpartie kaj zorge la granda historiisto kolektis kaj citis sian materialon.

Kompreneble Michelet havis la ecojn de poeto, avantaĝe kaj malavantaĝe. Sed kiu riproĉus al li, ke li sciis pentri la grandajn scenojn per majstra mano kvazaŭ freskojn de kastelo aŭ vitregojn de katedralo? Kiu riproĉus al li, ke li sciis enpenetri l' animon de l' mortintaj reĝoj aŭ revolucianoj, malkovri laŭ leteroj la sentojn en ilia koro, la timon aŭ malvirton, la amon aŭ idealon? Kiu riproĉus al li, ke li havis genian instinkton por kompreni la potencajn ondojn, kiuj skuis la popolojn en krizaj horoj, la suferojn de l' amaso, la kolerojn, la esperojn, la kompatojn subitajn, la trompiĝojn kaj iluziojn, ĉion kio movas tiun vastan maron de homaj aroj?

La popolon li konis, ĉar el ĝi mem li eliris. Sian landon li amis, sed ne egoiste. Ĝin li ŝatis pleje kiel inspiranton al noblaj vastaj ideoj. Kiam ĝiaj ĉefoj pekis kontraŭ homareco oni sentas lian ploron kaj lian juĝon en lia stilo mem. Li estis tia viro de la poezia Eŭropo de 1848, kiam junularo aklamis idealon de paco, libereco kaj frateco.

Sendependeco de subpremitaj nacioj lin entuziasmigis, sed super ĉio li deziris tutmondan federacion de popoloj. Laŭ lia propra esprimo la nacioj formas kvazaŭ liron, kies ĉiu kordo estas necesa por la tuto harmonia.

En la fama Collège de France, kie li instruadis en Parizo, li bonvenigis la grandan polan poeton Mickiewiĉ en 1840 kaj admiris lian fratecan spiriton malgraŭ la terura sufero de lia nacio. Belan paĝon li skribis pri tio:

„Ekŝvitas mi repensante pri ĝi. La ĉeestantaj rusoj ricevis kvazaŭ fulmotondron. Al tero la okulojn ili ligis. La polaj aŭdantoj prezentis fidelan bildon de doloro kaj mizero: Forpelitoj, rifuĝintoj, kondamnitoj, maljunuloj rompitaj de l' aĝo, vivantaj ruinoj de l' malnova tempo de l' bataloj; malriĉaj virinoj aĝaj sub popola vesto, hieraŭ princinoj, hodiaŭ laboristinoj; ĉio perdita: rango, bienoj, sango, vivo. Iliaj edzoj, iliaj filoj en tero sur batalkampoj, en minejoj de Siberio!... Tia vido traboris la koron... Kia forto necesis, kia ofero grandega, kia korŝiro pro tiel paroli al ili, por elveki el ili forgeson kaj pardonon, forpreni ĉion, kion ili ankoraŭ posedis kaj eĉ ilian lastan karaĵon: la malamon!"

Hodiaŭ Michelet ĝojus ne nur pro la sendependeco de la pola nacio, kaj de tiom da aliaj, najbaraj, sed ankaŭ pro la grandiĝanta movado favore al internacia organizo inter ĉiuj popoloj.

Ankaŭ li ĝojus pro la emancipo de virinoj, ĉar li profunde ŝatis ilian animon, ilian kapablecon, ilian homan sentemecon kaj li preterlasis nenian okazon redoni al ili la justan lokon en la okazintaĵoj de historio, kie ili intervenis. Ankaŭ tion oni riproĉis al li kvankam li sciis rakonti eĉ severe pri tiuj, kiuj uzis krime sian kaŝan influon.

La nomo de Michelet regrandiĝos kun la tempo. Lia lingvo restos mirinda muziko, liaj bildoj daŭros kiel lumaj revivigoj, lia potenca elokventeco, hodiaŭ eble iom malnovmoda, retrovos iam la vojon al koroj, kiam la okcidentaj popoloj estos iom forskuintaj tiun pezan materialismon, kiu tiom ĉagrenas niajn orientajn fratojn.

Poetoj pri individuaj sentoj abundas en la tuta mondo, sed mankas ĝuste la poetoj de la homaro, la poetoj de la grandaj movoj de historio, la geniaj voĉoj, kiuj scias paroli al la popoloj mem en tiu decida epoko, kiam la mondo ekprovas realigi sian unuecon post la sanga interbuĉado.

En 1848 floris la idealo, la noblaj alvokoj, la elokventaj alparoloj, sed mankis la cirkonstancoj favoraj. Pezaj manoj refalis silentige sur la flama junularo tiatempa.

En 1924 ekzistas la cirkonstancoj, ekzistas la bezono kaj la ebleco al vasta tutmonda movado por realigi la homarajn revojn de 1848. Jam ekzistas eĉ kelkaj realaj rimedoj. Esperanto estas unu. Mankas nun la spirito de 1848. Mankas la poetoj. Reaŭdiĝu nun la potenca voĉo de Michelet, nobla franco kaj granda homarano!

---

## Poezio kaj Popolo

de *Jules Michelet.*

*Jules Michelet,* fama franca verkisto pri historio kaj socia filozofio, naskita 1798, mortita 1874; ĉefaj verkoj: Historio Franca, Historio de la Revolucio, La virinoj dum la Revolucio, La Virino, La Birdo.

La riĉaj interne havas ĉiam sufiĉe da rimedoj. Kion ili havas, tion ili disvastigas, fruktigas per la penso, alpuŝas ĝis en senfino.

Anstataŭ ĵaluzi tiun ĉi mondon el koto, ili kreas al si propran mondon tute el oro kaj lumo. Ili diras al tiu ĉi: „Konservu la mizerecon, kiun ci nomas riĉeco; mi estas pli riĉa ol ci".

Plej multaj el la poemoj, verkitaj lastatempe de laboristoj, prezentas apartan karakteron de malĝojeco kaj mildeco, kiu min ofte rememorigas pri ties antaŭuloj, la mez-epokaj laboristoj. Se kelkaj estas maldolĉaj aŭ perfortaj, ili estas nur malmulta nombro.

Tiel alta inspiro estus portinta eĉ pli alten ankoraŭ tiujn verajn poetojn, se ili ne estus sekvintaj tro respekte laŭ formo la modelojn aristokratajn.

Ili nur ekkomencas. Kial vi jam urĝe asertas, ke ili neniam atingos la unuajn rangojn?

Vi bazas sur la malprava ideo, ke ĉion faras nur la tempo kaj kulturo: por neniom vi kalkulas la internan elkreskon de l' animo per sia propra forto, en mezo mem de la manlaboroj, la spontanan floradon, eĉ pli fortan pro la baroj. Homoj liberaj eksciu bone, ke tiu viro sen libroj kaj sen granda kulturo posedas kompense ion, kio ĝin anstataŭas: li estas majstro je doloroj.

Kun aŭ sen sukceso — al tio nenian rimedon mi vidas — li iros sian vojon, la vojon de l' penso kaj de l' sufero.

„Li serĉis lumon", diris Virgilio, „li ĝin ekvidis, ekĝemis!.."

Nu, ĝemante, li ĝin serĉos eterne. Kiu ĝin ekvidinte povus ĝin rezigni? „Lumo, pli da lumo!" Tia estis de Goethe la lasta krio.

Tiu parolo de l' mortanta geniulo estas la ĝenerala krio de l' tuta naturo. Ĝi sonas de mondo al mondo. Kion diris tiu potenca homo, unu el la unuenaskitoj de Dio, liaj plej humilaj idoj, la malplej progresintaj en la besta vivo, la moluskoj, ĝin diras en la fundo de l' maro. Nenie ili volas vivi kie la lumo ne albrilas.

Floro volas lumon, turnas al ĝi kaj ekmortas sen ĝi. Niaj laborkunuloj, la bestoj, kiel ni, ĝojas aŭ malĝojas laŭ tio se ĝi venas aŭ foriras. Mia nepo dumonata ekploras kiam tagfine mallumiĝas.

Lastan someron, promenante en ĝardeno mia, mi ekvidis sur branĉeto birdon kantantan je l' subiranta suno. Ĝi elstaris al la lumo kaj estis videble ravata . . .

Min ravis ĝin vidi; niaj malgajaj privataj birdoj neniam donis al mi la ĝustan ideon pri tiu klera kaj potenca kreitaĵo, tiel eta, tiel pasia . . .

Mi ekvibris je ĝia kanto . . . Ĝi renversis malantaŭe sian kapon, ŝvelis sian bruston; neniu kantisto, neniu poeto iam havis tiel naivan ekstazon.

Tamen ĝin ne ravis amo (pasis ties tempo), ĝin ravis memvideble la ĉarmo de l' lumo, la ĉarmo de l' dolĉa suno!

Scienco barbara, senkora vanteco, kiu repuŝas tiel malalten la vivan naturon kaj tiom disigas la homon de siaj subaj fratoj!

Al la birdeto mi diris kun larmoj: „Kompatinda filo de l' lumo, ci kiu ĝin rebriligas en cia kanto, kiel prave ci prikantas ĝin! La nokto, plena je minacoj kaj danĝeroj por ci, tre similas al la morto. Ĉu ci vidos eĉ la morgaŭan lumon?"

Jen, de ĝia sorto, alpasante per la penso al la sorto de ĉiuj estuloj, kiuj el profundo de l' kreaĵo supreniras tiel malrapide al taglumo, mi diris, kiel Goethe kaj kiel la birdo: „Lumon, ho Dio, ankoraŭ pli da lumo!"

Trad. *Edm. P.*

---

# Presistoj kaj Humanistoj

de *Jules Michelet.*

(El Historio Franca, sepa volumo, Renasenco.)

Virgilio estis presata en 1470, Homero en 1488, Aristoto en 1498, Plato en 1512.

Se Petrarko jam ploris pro ĝojo vidante Homeran manuskripton, ĝin palpis kaj kisis, eĉ ankoraŭ ne povante ĝin kompreni, kia estus lia ravo iam vidonte ĝin multobligatan per la belaj tipoj de Venezia kaj Firenze, rondirantan tra tuta Eŭropo, disverŝantan al ĉiuj la puran lumon de l' greka ĉielo, la freŝecon de ĝiaj vivaj akvoj kaj tiujn riveregojn de juneco, ĉiam eterne fluantajn el la fontoj de l' Iliado!

Sed oni ne plu scias hodiaŭ pri la ŝvitoj kaj maldormoj de la grandaj presistoj super la unua publikigo de l' malfacilaj manuskriptoj antikvaj. Laboro sankta!

La unuajn presintojn premis al gorĝo emocio religia kaj vastega maltrankvilo. Kiajn ili redonos al la mondo tiujn diojn de l' pensado, tiajn ilin konservos la mondo. Presistoj, korektistoj, eldonistoj ne plu dormis (unu krom tri horoj ĉiunokte); ili petis Dion por sukceso kaj ilian laboron penetris preĝo. Ili sentis, ke en tiuj plumbaj literoj, malnobelaj kaj senbrilaj, kuŝis la Rejunigilo de l' mondo, la trezoro de senmorteco . . .

La efiko estis vere komprenebla kaj dusence granda. Oni ekvidis, ke la plimulto de tiuj antikvaj proverboj estas ankaŭ modernaj, ke la Antikveco ne estas ia nelegebla skribaĉaro, monopolo de l' fiscienculoj, sed ke ĝi estas ni mem, la homo eterne sama . . .

Cetere, eĉ se la unuaj rezultatoj estis ankoraŭ malfortaj, tio, kio estis granda, estis la klopodo, la volo. Ja, kio estas pli granda en nia mondo ol voli serioze? En la fervoro, neniam haltanta, de senspira agemo, oni eltiris el tero, el polvo medalojn kaj monerojn, reliefojn, manuskriptojn ĉiuspecajn pri medicino, geografio, poezio, moroj, domkutimoj, la tuta vivo de l' antikveco. Bonaj humanistoj! Kiu rifuzos al ili tiun nomon vidante ilin bonvenigi per amo senpartia ĉion, kion oni povis scii tiam, ĉian popolon, ĉian aĝon, ĉian dion, ĉian lingvon kaj ĉian homaron?

Venu, dum nokto ankoraŭ nigra; ni supreniru vintre, frumatene, la straton St. Jacques en Parizo. Ĉu vi vidas la multajn lumojn? Viroj, eĉ avuloj, mikse kun infanoj, iradas portante sub unu brako la *in-folio,* en l' alia mano la feran kandelingon. Ĉu ili turnos dekstre? Ne, la malnova Sorbonne ankoraŭ dormas; ĝi sin tenas varme en siaj drapoj. La amaso iras al grekaj lernejoj. Ateno estas en Parizo.

Tiu grandbarbulo, en majesta pelto, estas ido de l' Imperiestroj, Jean Laskaris. L' alia doktoro estas Aleandro. Li instruas hebrean lingvon. Vatable lin aŭskultas, jam skribanta kaj presonta. Stranga renverso de ĉio! Tiu sama urbo, kiu en 1300 rabis de l' hebreoj iliajn manuskriptojn por forbruligi, nun presigas ilin.

En 1508 oni fandas la unuajn hebreajn tipojn. La malnova leĝo, tiel kruele persekutata de la nova, fariĝis senmorta, multobligote de kristanoj. La defendinto de l' hebreaj libroj, Reuchlin, ekskuas tutan Germanujon per heroa batalado kontraŭ detruantoj de libroj, kiuj bruligas ilin, nesciante ilin legi.

Ni kredu je la venkoj de l' spirito. Dum tiama Hispanujo detruis la librojn milope, Germanujo, Francujo kaj Italujo presis milionope!

Neniu loko, neniu templo, neniu lernejo, nek kunveno de nacioj iam enportis en mian koron la religian emocion, kiun mi sentas enirante en presejon. La poeto-laboristo el Manchester ĝin tre prave diris: „La Presilo estas Arko Sankta!"

La Parizaj revolucioj okazis ĉirkaŭ presejoj. Presisto en 1793 mia patro devis planti la sian en la ĥorejo de preĝejo kaj ilin mi naskiĝis tie.

Trad. *Edm. P.*

---

*La nuna numero enhavas 24 paĝojn;*
*kun ĝi estas sendataj:*
*„Bulteno de la Internacia Labora Oficejo"*
*kaj*
☆ *Anonca Bulteno Esperantista, N-ro 1.* ☆

☆

*La aprila numero aperos komence de la monato — kaj enhavos la programon de la kunveno en Genève. —*

# La kanarioj.

Humoraĵo de *J. F. Schütz.*

La kuratoreco estas jura aranĝo, bonintenca kaj burĝa. Necesas unue mono kaj due sentimentalaj, eble influhavaj parencoj.

Nur iafoje perdiĝas la taktsento de la burĝa civilizo tien, kie, konsiderante la simplajn vivkondiĉojn sub ordinaraj cirkonstancoj, oni ne rajtus supozi . . ktp. ktp. — Tio daŭrigas sammaniere laŭ jurista stilo.

Kamparano, kiun ni nomu Mostbauer, tenas en mano folion kiu enhavis similajn frazojn. Li estis sperta ruzulo kaj jam ofte ricevis korespondaĵojn. Kaj eĉ legis ilin. Tiun folion li tamen devis turni ĉiuflanken, skuanta la grizan kapon kaj klopodanta kompreni la sencon de la informo.

*Distrikta juĝejo.* *1 dec. 1911.*

*. . . Mostbauer . . . 5 decembro 1911, 10 horo matene . . . Distrikta juĝejo, sekcio X, VII-a ŝtuparo, V-a etaĝo, Pordo N-ro 123 . . .*

Ĉio alia estis nelegebla. Almenaŭ por nejuristo.

Kion ili nur povas deziri de li? Mostbauer ekzamenis sian konsciencon: du leporoj ŝtelkaptitaj, foje akvuminte la lakton — sed tio ne estas tiom grava. Eble la du leporoj? Se iu pafas ĉamoviron, li povas riski punon, similan al tiu de mortigo de homo. Do la du leporoj — sed kio estus farebla? Ili ja jam de longe iris la vojon de ĉio tera.

La ŝtuparo VII estis turnanta ŝtuparo. Tie marŝis are la adeptoj de la suferanta kaj batalanta justeco, al kaj reen.

Tio estis do la ŝtuparo VII. N-ro V kaj VI estis en malbona stato kaj nur uzebla por la transporto de la ligno, N-ro II III kaj IV ne estis ankoraŭ konstruitaj, atendantaj tempon kiam pro la pligrandiĝo de la distrikto la frekventado de la juĝejo proporcie kreskos kaj la altiĝanta neceso devigas . . . ktp.

La ŝtuparo I estis la ĉefa. Ĉe la komenco estis fiksita marmora tabulo, diranta, ke la 1 aprilo 1847, je la $^3/_4$ 12 horo, la landestro havis la gracon, doni al la ŝtuparo la honoron porti lian tre estimindan nomon. Neniu supreniris ankoraŭ. Sed ĉe la ŝtuparo I loĝis la pordisto. —

Kun zorgoplena vizaĝo Mostbauer tramigris la juĝejon, ĝis kiam li fine atingis la etaĝon V kaj povis kraĉi en la ujon, troviĝanta ĉe la pordo 123. Li prenis la ĉapelon en la du manoj kaj per la kubuto puŝis la pordon, ĝin malfermante. Troviĝis en la ĉambro tri seĝoj, skribotablo, kesto por aktaro kaj kraĉujo. Apud la skribtablo sidis oficisto; Mostbauer kraĉis. Ĉio trankvila.

Mostbauer estis informita, ke oni devas atendi. Se oni estis informita, ke oni devas atendi *tie*, tiam necesas kunpreni liton. Ĝi valoras. Sed tion Mostbauer ne sciis.

Fine venis du sinjoroj. Unu havis malhelan barbon kaj bonkoran aspekton, la dua estis longstatura, glatvizaĝe kaj portis monoklon. La du sinjoroj kondukis la kamparanon en la apudan ĉambron; sekvis la oficisto. Mostbauer tusetis kaj pripensis: leporoj — lakto — leporoj.

La sinjoro kun la monoklo eliras, la alia staris ĉe la fenestro kaj fingrefrapis sur la vitro. Estis enuiga.

Leporoj — — — lakto — — — lakto — — — leporoj.

„Nomu al mi tri flavajn birdojn!"

Mostbauer estis senkonsila: — — — tri flavaj birdoj — — kion oni volas de li? Sed la sinjoro rigardis la tegmentojn de la najbara domo kaj oscedis. Daŭrigas fingrefrapi. „Do —".

Mostbauer ŝvitegis. Liaj zoologiaj konoj estis ja tre profundaj, sed ne ampleksaj.

„Antaŭen do —".

„L' unua — est' un' kanario."

„Jes, jes, jes, daŭrigu!"

Nun finis jam la scio de Mostbauer. Profunda silento. La sinjoro fingrefrapis, la kamparano pensis.

Sed subite heliĝis la sulka vizaĝo: Nu li sukcesis, la duan kaj la trian.

„La dua — estas la fil' de un' kanari'".

Tiam li silentis momenton memkontente; li ŝparas kun sia scio. La pordo post li malfermiĝis kaj fermiĝis, revenis la sinjoro kun la monoklo. Mostbauer estis plenkontenta.

„Do daŭrigu, ni ne povas perdi tempon!" — — — Ree la frapado.

Nun ĝi venis, malrapide kaj atente: „La tria — — — est' la nepo de l' kanari'". Li sukcesis kaj spirite li frotas la manojn.

Sed jen ekaŭdiĝis voĉo: „Sed, doktoro, kion je ĉiuj dioj vi demandis lin?"

La sinjoro kun la barbo turniĝis kaj post longa konsulto de la protokolo konfesis inde: „Tri flavajn birdojn".

„Ah, nu tre bone", diris la alia, sidiĝis apud la oficisto kaj movis la inkujon flanke:

„La ideo de la leĝo postulas, ke la ekzamenanta juĝisto kiel ankaŭ la esploranta kuracisto" — severa rigardo sur la barbulo — „spirite proksimiĝu kun saĝo kaj prudento al la interna vivo de la ekzamenato, por lin igi plena je konfido kaj tiel doni la eblecon de certa sekureco ke . . ." ktp.

Li parolis longe. Tiam li diris:

„Do Mostbauer, vi havas ja belan posedaĵon."

„Ses hektarojn da tero", klarigis la kamparano.

„Tre bone. Vi estas invitita ĉi tie, por pruvi al ni, ke vi havas la necesajn spiritajn kvalitojn, kiujn vi bezonas per via metio, per kiuj vi estas kapabla laŭ viaj ekonomiaj spertoj, posedi decidan komprenon en la ŝancoj, kiuj prezentiĝas per la influo de la klimato dum la jaro. Vi tial bonvolos kalkuli al ni jenan eblecon:

Vi semas hordeon sur ses hektaroj kaj nome tiel, ke sur ĉiu kvadratcentimetro venos ok grenoj. Supozante normalan evoluon de ĉiu greno la rikolto devus esti $770^1/_2$ la nombro de la grenoj, kiujn vi semis. Sed nun venas hajlo kaj detruas sur $2^1/_2$ 15% de la venonta rikolto. Vi ricevos de la asekura societo 60% da kompenso, krom tio per la graco de la landestro pliajn 25% de la domaĝo. Se do hektolitro tenas 125650 hordeogrenojn kaj vi ĝin vendos kompare kun la antaŭa jaro $1^1/_5$% pli kare, kiom vi gajnis, dekalkulante la imposton?

Sed nun la Mostbauer ne plu povis sin teni. Lia vizaĝo fariĝis bluruĝa pro rido, dikaj larmoj falis sur la vangojn, li frapis signife la frunton kaj fine eldiris kun plenrida voĉo la salomonajn fortojn:

„Ĉu eble *vi* scias ĝin?" — — —

La sinjoroj surprize rigardis unu la alian kaj silentis. Oni forpermesis la kamparanon. Oni diras, ke estis malakceptata la peto de liaj parencoj lin meti sub kuratoreco.

*H. J.*

---

**Helpu ŝpari**

**sendante duoblan poŝtkarton kiam vi petas informon de la Centra Oficejo de UEA.**

**La kosto de afranko estas la plej alta en Svislando.**



# PENSOJ PRI LA VIVO



## Penspovo kaj frateco.

Homoj ne vivas por si mem, sed por ĉiuj. Nacioj ne ekzistas por si mem, sed por ĉiuj nacioj aliaj kune. Tamen ni povas trovi pli altan idealon, en kiu ĉiu prenos sian lokon, tiun grandan idealon de nacioj kiel unu familio, la idealon de universala paco.

*

Vi devas akcepti, ke por akiri liberecon, vi bezonas unuecon, memkontrolon kaj forton; ĉi tiuj estas la kvalitoj, kiuj liberigas nacion. Forĵetu malkonsenton kaj kontraŭecon kaj ne pli longe permesu, ke diferenco de religia pensado dividas civilajn aferojn. Vi devas lerni la grandan lecionon, ke penso devas esti libera, antaŭ ol libera ago povas okazi. De libereco de penso devenas diferenco de opinio, kaj vi devas akcepti, ke diferenco de opinio estas sana kaj dezirebla. Vi eble pensas pli bone ol mi pensas. Tamen mia propra penso, kvankam pli malbona ol via, estas pli bona por mi ol via, same kiel mi kreskos pli forte manĝante mian propran nutraĵon ol vidante vin, manĝanta vian. Tial estas, ke estas pli bone pensi, eĉ pensi erare ol tute ne pensi. Neniu vero estas vera, kiu ne estas vera al vi. Vero iĝos malvera, kiam vi ne tute akceptas ĝin kaj nur ripetas per viaj lipoj tion, kion via menso ne komprenas kaj kion via volo ne akceptas. Pensu laŭlonge via propra linio. Aŭskultu ĉiun, konsideru la opiniojn de ĉiu, sed ne parolimitu tiujn, sed ellaboru ilin por vi mem kaj kreu vian propran opinion. Same kiel kemiisto metas diversajn elementaĵojn en fandujo kaj el ĉiuj produktas novan substancon, kiu estas diferenca al ĉiu el ili, tiel estas je vi, kaj viaj pensoj. Prenu ĉiujn pensojn ĉirkaŭ vi kaj metu ilin en via mensfandujo, sed produktu penson diferenca al la pensoj, kiujn vi absorbis. Estas nedependaj pensuloj, kiuj efektive estas serveblaj al la kresko de nacio. Unu homo, kiu pensas, estas pli bona ol mil homoj, kiuj ripetas la opiniojn de aliaj kiel papagoj.

*

Pensi estas la granda kreanta forto en nia universo, ĉu ĝi estas dia aŭ homa pensado; ĉiuj kreaĵoj estiĝas per penso.

La skulptisto pripensas sian idealan statuon, antaŭ ol la marmoron li skulptos kaj estas tiu ĉi penso en lia menso, kiu kontrolas ĉiun tuŝon.

Penso estas la povo, kiu alportas ĉiun potencan ŝanĝon; unue la idealo, post tie la ago.

*

La unua postulo por kompetenta pensado estas atenta kaj akurata observado.

La dua postulo estas impresemeco, tenademeco, la povo de tuj ricevemo de impresoj kaj konservado ilin, kiam ili estas farataj. Akurata observo estas kapablo, kiu certe devas esti kulturota.

*

Homo povas esti treege obskura persono kiel la mondo rigardas obskurecon; li povas nur influi tre malgrandan rondon de siaj amikoj kaj parencoj, kiuj venas en persona kontakto kun li, tamen rigarde al la fizika mondo, li povas ekzerci forton potencan por bono aŭ malbono; li povas purigi aŭ malpurigi la mensojn de sia generacio; li povas kontribui, helpi aŭ malhelpi la progreson de la mondo; li povas levigi sian rason iomete alten aŭ depremigi ĝin iomete malalten kaj tute aparte de ĉio, kion ordinara homo ekkonas kiel forton de regulo aŭ ekzemplo; li povas influi la menson de sia tempo per tiuj ĉi subtilaj energioj de penso, per ĉi tiuj aktivaj pensoj, kiuj eniras la mondon de homoj, kiuj pli enlaboras pli forte, tial ke ili ne estas videblaj kaj ekzercas pli vastan influon, ĉar ili estas tiel subtilaj, ke ili estas nerekoneblaj al la amaso, kiun ili tuŝas. Tiamaniere penso alprenos por la homo novan aspekton kaj li komprenos kiel granda estas la respondeco, kiu estas sur liaj propraj ŝultroj, simple kiam li uzas tiujn ĉi kapablojn de la menso. Li eksentas, ke lia respondeco etendiĝas multe pli malproksime ol li povas vidi; ke li estas responda, ofte tre realmaniere, pri la krimoj, kiuj okazas en la societo, al kiu li apartenas, same kiel pri la agoj de heroeco, kiuj povas okazi en tiu societo. Li komprenas tiun grandan principon, ke neniamaniere sekvas, ke la homo, kiu faras la agon, estas tute kaj sole responda por la ago, kiun li faris, sed ke ĉiu ago estas la ekmanifestiĝo, vera enkarniĝo de ideoj kaj ke ĉiu, kiu partoprenas la deveniĝon de la ideoj, partoprenas ankaŭ la respondecon pri la ago.

Komprenante tion, kaj akceptante tiun ĉi pli vastan vidpunkton de vivo, la homo ekkomprenas, ke li devas kontroli siajn pensojn. Kiam li komprenas, ke li devas kontroli siajn pensojn kaj estas responda por siaj pensoj, kiam li eksentos, ke ne nur li estas responda por ĉiuj pensoj kaj tial devas havi ian elekton pri la speco de la pensoj, kiujn li produktas, li ankaŭ trovos, kiam li studas iomete plue, ke la speco de pensoj, kiujn li altiras el la ekstera mondo, grandparte estos difinitaj de la speco de la pensoj, kiujn li produktas. Pro tio li ne estas nur magneto, sendante liniojn de pensforto tra la areo de lia magneta kampo, sed li estas ankaŭ magneto, altiranta al si mem la materion, kiu respondas la magnetan forton, kiun li elsendas; ĉu lia menso estas plena de bonaj pensoj aŭ de malbonaj pensoj, dependos grandparte de la linioj laŭlonge de kiuj lia propra mentala forto estas laboranta, kaj li ekkomprenos, ke produktante bonan penson, li ne nur plenumas sian superegan deviĝon al siaj fratuloj, sed ke — kiel ĉiam okazas, kiam oni estas en harmonio kun la Dia Leĝo — li mem estas gajnita per tio, kion li donas; ĉiuokaze kiam li donas al la mondo noblan penson, li formas en si mem altirantan centron, al kiu aliaj noblaj pensoj venos sekve ilia propra akordo, altirata de magneta afinito, tiel ke lia propra menso estas helpata kaj fortigata de tiuj ĉi pensoj, kiuj enfluas en ĝi de ekstere.

Li ekkonas dolore kaj honte, ke kiam li elsendas en la mondo abomenan penson, li faris en sia propra konscio similan centron, kiu altiros la pli malbonajn pensojn el la atmosfero kaj tiel multigas siajn proprajn inklinojn al malbono, kiel la aliaj multigas siajn inklinojn al la bono. Kaj kiam li lernas kompreni tiun ĉi mentalan fratecon, kiu ligas ĉiujn homojn kune, vi komprenos, ke li ŝanĝos sian mentalan sintenadon, ke li sentos tiun ĉi respondecon de elsendo kaj altiro, ke li ekkonas tiujn ĉi ligaĵojn, kiuj etendiĝas ĉiudirekte al li, ke li en sia ĉiutaga vivo komencos trakti plimulte je penso, ol je ago kaj ekkomprenos, ke en tiu regiono de la nevideblo estas produktataj ĉiuj fortoj, kiuj malsupreniras en la psiĥa kaj fizika vivo.

*

Ni devas lerni utiligi tiujn ĉi grandajn fortojn, kiujn enhavas ni ĉiuj kaj utiligi ilin por efiko kiel eble plej bona. Memoru, ke ni senĉese, uzas ĉi tiujn povojn nekonscie, spasme, malforte, ĉiam efikante por bono aŭ malbono, ĉiujn kiuj cirkaŭas niajn vojojn de la vivo. Tio ĉi celas prove instigi la leganton uzi ĉi tiujn samajn fortojn konscie, persiste kaj forte.

Trad. *P. W. Van den Broek.*

El „Thought and Brotherhood.

 TRA LA MONDO ESPERANTISTA 

## Informilo de Esperantistaj Societoj. — Kroniko. — Radio. — Alvokoj.

### Ĉeĥoslovaka Esperanta Instituto.

(Fondita 27 junio 1923 kun ministeria aprobo.)

Adreso: Praha II, Křemencová 17, Tel. 6977.

Ĉeĥa poŝtĉekkonto 33554.

Ĉ. E. I. malfermis 9 januaro sian klubejon en Mikulandská ul. 7. Gastoj estas akceptataj ĉiumerkrede. Aranĝis 10. I. paroladon de S-ro Eiselt pri „Esperanto en servoj de ĉeĥa homo". 14. I. malfermis „privatan esperantan lernejon", aprobitan de la instruadministrejo (n-ro 131488-23), kiun vizitas sub gvidado de ŝtate ekzamenitaj esper. instruistoj Eiselt, Hlaváčová, Pitlík kaj Ŝupichová en 2 kursoj por komencantoj, 1 por progresintoj kaj ŝtata kurso — 82 lernantoj. — Radiotelefonan paroladon de S-ro Pitlík kaj ĝin akompanantan koncerton aŭskultis 31. I. la institutanoj kaj iliaj gastoj en „Radio-Journal". Okaze de la XVIa regiona kunveno de la orientbohemaj esperantistoj en Dvûr Králové paroladis 2. II. S-ro Pitlík pri ĉeĥoslovakaj turismaj atrakcioj, akompanante la paroladon per 120 lumbildoj. Ĉ. E. I. ricevis monsubtenon por ĝiaj priturismaj celoj de la komercministrejo 5000 Kč. Je propono de Ĉ. E. I. komisiis la komercministrejo svedan esperantiston L. Tell per gvidado de la ĉeĥosl. informoficejo en Stockholm.

* * *

## XVIa Universala Kongreso de Esperanto en Wien — Vieno, 6—13 aŭgusto 1924.

Leter- kaj telegram-adreso: **Esperanto-Kongreso, Wien.**

### La dua bulteno.

20 Februaro 1924.

La L. K. K. en Wien jam nun, nur komencinte la forsendon de la oficialaj invitiloj por la XVIa, kun granda ĝojo povas konstati, ke la invito en ĉiu lando trovis la dezirindan resonon: afablan akcepton de la invito, seninterrompe kreskantan nombron de aliĝoj, ĉie amike kunlaborantajn samideanojn.

La impreso de la nova, direkta invitmaniero estas senescepte agrabla kaj multaj samideanoj volonte helpas sukcesigi la laboron. La adresaro de la invitotoj bezonas ĉiutagan kompletigon, de la salutpresaĵoj el Wien unu milo post la alia estas ekspedataj.

Ĝis la 15a de februaro la kongresa oficejo jam posedis pli ol mil aliĝojn, inter ili troviĝas nomoj de multaj ŝatindaj samideanoj, kies ĉeesto grave plivalorigas la XVIan. La L. K. K. *ne* publikigos laŭnomajn listojn de la kongresontoj, sed raportojn laŭnombre, partigante la aliĝintojn laŭ la landoj.

La kompleta nomaro de la kongresanoj estos ricevebla nur dum kaj post la kongreso kiel speciala libro.

Tre agrabla fakto estas, ke inter la ĝis nun konataj kongresanoj ni jam vidas multajn bone konatajn eminentajn esperantistojn, ekzemple S-rojn: Baghy, Bünemann, D-ro Bischitzky, Bredall, P-ro Cart, P-ro Christaller, Edmonds, Fischer, Frenckell, Gube, Hromada, Isbrücker, Krestanoff, D-ro Ledermann, Marich, Maruzzi, Medem, Minor, D-ro Möbusz, Oberottman, Page, Generalo Sebért, Schoofs, Stettler, Vaona k. a.

La *porloĝeja oficejo* komencas funkcii, por zorge certigi al ĉiuj kongresontoj kontentigan ripozejon. *Neniu dubu pri sufiĉa nombro de taŭgaj ĉambroj.*

Multfoja demando estas pri bezonataj *elspezoj por vivado* en **Wien.** La respondo dependas de la kutimoj. Vojaĝanto, tre modesta kaj ŝparema, en Wien nuntempe bezonas nur 2 ĝis 3 svisajn frankojn potage por loĝejo kaj manĝado. La duobla sumo ebligas ĉiurilatan plibonigon, kaj certe elspezoj de 8 ĝis 10 svisaj frankoj po tago por unu persono garantias luksan restadon.

Sekvontaj bultenoj enhavos raportojn pri amuzaj aferoj, konferencoj k. c. Ĉiuj preparaj laboroj de la L. K. K. prosperas vere kontentige kaj donas eĉ al la komitatanoj mem la dezirindan, daŭre freŝan laboremon.

*Franz J. Schade,* ĉefsekr.

* * *

### Zamenhof'a Monumento.

(Raporto de la Organiza Komitato).

Okazis kunveno de la loka pormonumenta komitato en Varsovio lastan decembron en la domo de la Majstro.

Prezidanto de la Loka Komitato D-ro W. Robin.

Hon. Sekr. de la Internacia Komitato J. D. Applebaum kaj la sekvantaj komitatanoj: D-ro St. Essigman, D-ro J. Krznecki, S-ro A. Oberrotman, Inĝ. Teichfeld, S-ro B. Weinthal kaj kiel gastoj ĉeestis S-ino Klara Zamenhof kaj D-ro L. Zamenhof.

La Hon. Sekr. raportis pri la nuna stato de la kaso, enhavanta ĝis nun la sumon de ĉirkaŭ 200 £.

Oni priparolis la prezon donitan de skulptisto Lubelski por la fabrikigo kaj starigo de la monumento el pola granito kaj la konsilindecon de tiu propono. Post ĝenerala kaj profunda esploro de la tuta afero estis decidite, kontraŭ jam antaŭe proponita sugesto de la Organiza Komitato, ke konsiderante la nunajn lokajn cirkonstancojn, laborkondiĉojn, prezon kaj la kvaliton de la pola granito, estas preferinde kaj konsilinde fabrikigi la tutan monumenton en Skotlando el skota granito kaj transporti ĝin kompletan al Danzig-Varsovio nur por la starigo.

Pro ebla neceso pagi altan sumon kiel limdepago ĉe la importo de la monumento, la Hon. Sek. ricevis instrukciojn sin turni, pere de la Brita Esperanta Asocio, al la pola Ambasadoro en Londono kun peto, ke la monumento ricevu liberan eniron en Polujon ne pagante la limimposton.

D-ro Robin raportis, ke la fundamento por la monumento estis konstruita antaŭ nelonge sub la direkto de la skulptisto Lubelski kaj estas nun tute preta por la starigo de la ŝtono.

Estis decidita tuj aĉeti la ceteran grundon, haveblan apud la tombo, por prepari florbedojn sur ĝi kaj barilon. La edzino de l' Majstro prenis sur sin la taskon frakti kun la tombeja estraro kaj raporti al la komitato.

Laŭ propono de S-ro Weinthal, unuanime akceptita, oni esprimis la sinceran deziron de la pola esperantistaro prizorgi la kostojn de la transporto de la monumento inter Danzig kaj Varsovio kaj ankaŭ la koston de la starigo sur la tombon. La polaj esperantistoj, kiuj ĝis nun kontribuis preskaŭ nenion al la kaso, penos trovi tiujn elspezojn el propraj fortoj.

S-ro Inĝ. Teichfeld entreprenis fari detalan desegnon de la premiita verko kaj sendi ĝin al la Org. Kom. laŭ kiu oni povos ellabori la monumenton tute fidele laŭ la originala modelo.

*

### Avizo al la Naciaj Societoj Esperantistaj.

La detala raporto aludita en la supra raporto jam alvenis, kaj la Org. Kom. nun traktas kun skotlandaj skulptistoj por fabrikigo de la monumento. Ĝia kompletigo ne estos plu longedaŭra.

Venis nun la tempo por ricevi la detalajn tekstojn, ĉefe la nomojn, de la diversaj gravaj Esperantistaj Naciaj kaj aliaj Societoj por engravuro sur la flanko de la monumento. (Vidu raporton pri monumento ĉe la Nürnberga Kongreso, „Esperanto" Aŭgusto/Septembro, paĝo 170).

Ni petas ĉiujn tiajn societojn alsendi al la Hon. Sekr. senprokraste tiujn tekstojn.

Tiuj societoj kiuj kontribuis ankoraŭ nenion al la kaso, kaj ekzistas multaj tiaj, ne forgesu, ke ni devas pagi por la materialo kaj la laboro.

Por la Organiza Komitato:
*J. D. Applebaum,* Hon. Sekretario.

## Esperantista Literatura Asocio.

Administracio: Paul-Gerhard-Strasse 22, Dresden-A., German.

*Marta raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Paragrafo 2ª de nia regularo estas: Reciproka helpo per kontrolado de pli grandaj manuskriptoj antaŭ la presigo.

Ĉi tiu punkto ĉiam, preskaŭ depost ekesto de nia asocio, donis al ni multon por pripensi. Ni imagu la iradon de l' afero Unu E. L. A.-ano verkas aŭ tradukas libron. Li laboradas tiom bone kiom li povas, penante eviti malkorektaĵojn kaj naciismojn, sed — „neniu majstro falas el la ĉielo" kaj kompreneble, ankaŭ ne ĉiuj membroj de E. L. A. estas majstroj. Okazas, ke eĉ „perfekta esperantisto" eraras, precipe dum verkado aŭ esperantigo de pli granda verko. Erari estas homa!

La verkinto sendas sian manuskripton al la administrejo de E. L. A., petante kontrolon kaj la postan permeson, presigi sur la titolpaĝo la rimarkigon „Rekomendita de E. L. A."

De el la administrejo oni sendas la manuskripton al iu alinacia kolego laŭeble perfekta — ne ĉiam la nepre perfektaj havas tempon —, kiu sindone klopodas forigi el la verko eblajn malkorektaĵojn, t. e. li kutime ne korektas en la teksto mem, sed faras sur la marĝeno aŭ sur aparta folio ŝanĝproponojn. En pli bonaj tempoj la manuskriptoj estis senditaj al *kelkaj* diversnaciaj kolegoj, nuntempe ni devas kontentiĝi je ekzamenado de *unu*. Do, la kolego, kontrolinte, resendas la manuskripton aŭ al la administracio aŭ senpere al la verkinto. Precipe en ĉi tiu lasta citita okazo ni iafoje spertis malfacilaĵojn. Ni imagu, ke hazarde nek la verkinto resp. tradukinto nek la kontrolinto estas perfektuloj. La verkinto laŭplaĉe, laŭ sia bontrovo akceptas aŭ malakceptas la ŝanĝproponojn; kelkfoje la opinioj pri „korekta" kaj „nekorekta" ja estas malsamaj. Tre kompreneble la verkinto estas *responda* pri sia laboraĵo, sed, se sur la ekzamenanton ĝi faras bonan impreson laŭ enhavo, stilo kaj gramatiko, nia administracio donas al la verkinto permeson, presigi la verkon kun rekomendo de E. L. A.

La verko estas aperinta kaj jen — la kritiko montras, ke malgraŭ ĉiu klopodo kaj peno ĝi ankoraŭ enhavas erarojn. Pli ol unu fojon ja aperis, dum pasado de l' jaroj, ankaŭ erara kritiko, kiu citis malkorektaĵojn ne ekzistantajn, sed en kelkaj okazoj la kritiko montranta erarojn en „rekomendita" verko, estis justa kaj ĝusta.

Kaj jen grava konflikto por E. L. A.

Ni petas niajn ŝatatajn kolegojn, kune kun ni mediti pri ĉi tiu afero kaj eble montri al ni vojojn ireblajn, irotajn. En la proksima raporto ni ankoraŭ iom traktos la saman temon. —

Manuskriptoj ĵus legitaj estas: „Lia filo" kaj „La kapricoj de Marianne", tradukitaj de Jan van Schoor; „Vij", trad. de Maksim Buloĉkin kaj „La liberpafisto", trad. de H. Steding.

Nur en ĉi tiu raporto, bedaŭre iom malfrue, ni havas okazon diri, ke kune kun la tutmonda esperantistaro E. L. A. funebras pro la perdo de sia eminenta membro, prelato D-ro Aleksandro Giesswein. Nia ĉiama danko apartenas al ĉi tiu mortinto, sin pruvinta nepre *vera homo*.

Bedaŭrinde la morto ankaŭ forprenis al ni nian altŝatatan aninon F-inon Anna Ŝarapova, kiu plej sindone laboris por nia literaturo kaj per tio kreis al si konstantan memoraĵon.

*Ĝustigo de adreso:* Nia dumviva membro S-ro Gustav Ziegler ne loĝas, kiel erare dirite en la nomaro (decembro 1923) en Marktredwitz, sed ĉiam en *München*, Steinheilstr. 10 III, lks.

*Kotizon pagis:* S-ro H. J. Bulthuis, Haag; S-ro Jan van Schoor, Antwerpen.

*Aliĝis:* S-ro Lad. A. Riedl, Nová Paka 591 (Ĉeĥoslovakio).

*J. Zschepank.*

## XVª Brita Esperanto-Kongreso en Chester

**6—10 junio 1924.**

La kongresurbo estas unu el la plej antikvaj lokoj en Britlando kaj havas gloran historion kiel fortikaĵo kaj garnizono. Jam A. D. 47 la Romanoj estis tie, kaj dum ilia restado konstruis ĉirkaŭ la urbo grandan fortikaĵon kun kvar ĉefaj pordegoj. La ĉirkaŭantaj muroj, kiuj ankoraŭ staras, havas longecon de preskaŭ du mejloj. Promenante laŭlonge de ili, oni vidas multon interesan rilate al la brita historio, kaj krom tio, troviĝas aliaj tre antikvaj konstruaĵoj tre vidindaj.

La kongresa prezidanto estas nia konata samideano P-ro Collinson (Liverpool Universitato), kaj inter la patronoj estas la urbestro, eminentaj edukistoj, ekleziuloj, prezidantoj de komercaj ĉambroj ktp.

La programo konsistos, inter alie, el bonveniga oficiala akcepto de la urbestro kaj urbokonsilantaro ĉe propaganda kunveno; ĉiujara kunveno de B. E. A.: ekskurso al Llangollen, fame konata valo en Kimrujo, sekvota de balo; kaj kelkaj organizitaj vizitoj al lokoj de historia intereso en Chester.

Kongreskartoj po 4 ŝil., enkalkulante ĉiujn dokumentojn kaj kongresan insignon, estas haveblaj de la sekretarino F-ino Agnes Hogg, 25 Bradford Street, Handbridge, Chester, Anglujo.

*G. R. G.*

* * *

## Nederlanda Societo Esperantista „La estonto estas nia".

La 20an de januaro okazis en Amsterdam la jarkunveno de la societo. Estis la unua fojo, ke la federacia kunveno okazis en la klubdomo de la Amsterdama grupo, pri kio atentigis en sia bonvenvorto la prezidanto de tiu ĉi grupo, S-ro Dufrenne. Sekvis mallonga malferma parolado de la Prezidanto de la Nederlanda Societo, S-ro Isbrücker, post kio estas laŭtlegata la protokolo de la antaŭa kunveno. La delegitoj de la diversaj grupoj donis siajn raportojn pri la dumjara agado. Kvankam ne ĉiuj estas egale kontentaj pri la rezultatoj, ne mankas la esprimo de daŭra kuraĝo kaj persisto. Kutimaj raportoj de la gazetarklubo, pri la biblioteko, la financoj, ktp. estas legataj. Iom da diskuto estas farata pri la temo de fikso de la jara kotizo. La estraro proponas trovi la rimedojn por pagi la kotizon al la Konstanta Reprezentantaro per plialtigo de la membra kotizo. Ĉar aliaj fontoj de enspezoj ne estas troveblaj, oni fine decidas plialtigi la kotizon de grupaj kaj izolitaj membroj al la centra kaso per kvaronguldeno, per kio oni povos pagi al la kaso de K. R. laŭ la skemo de Helsinki.

La konfirmo de la elektoj por Konstanta Reprezentantaro kaj Centra Komitato faritaj en Nürnberg estas aprobataj. Plue estas diskutata la budĝeto, kiu estas akceptata; oni reelektas diversajn estraranojn kaj aprobas la kandidatliston por la ekzamena komitato.

Kelkaj proponoj de la Haga grupo, „Fine ĝi venkos", kaŭzas iom da diskutado. Proponata estas komuna propagando inter instruistoj per senpagaj kursoj, kondiĉe ke certa nombro da partoprenantoj anoncas sin. La ideo pri senpagaj kursoj tamen ne trovas multe da entuziasmo kaj oni decidas lasi la efektivigon de la plano al la grupoj. La Haga grupo faros provon.

Estas decidate, ke festotago okazos en la monato julio en Amersfoort.

Dum la ronddemando la ĝenerala membro, S-ro van Hengel, sugestias diversajn proponojn kaj anoncas la eldonon de nova propaganda gazeto, de kiu li jam povas disdoni la unuan numeron. La gazeto renkontas ĝeneralan aprobon.

La laborkunvenon sekvis bela festo, lerte aranĝita de la Amsterdama grupo.



## Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj

# OFICIALA INFORMILO.

Aperas ĉiumonate.

**Jarkotizo:** 6 ŝil. ang. [5 ŝil.], 6 jen jap. [5 jen], 12 Fr. fr.-belg. [10 Fr. fr.-belg.], 15 lir. [12 lir.], 15 Kč. [12 Kč.]; malbonvalutanoj el Aŭstrio, Germanio, Hungario, Polio kaj Rusujo pagas 2 fr. sv. [1 fr. sv.]; membroj de tie ĉi ne nomitaj landoj pagas 6 fr. svisajn [5 fr. sv.]. Monsumon en la krampoj pagas membroj malnovaj.

Se la membro ne povas pagi sian kotizon per papermono en citita valuto, pagu ĝin per respondkuponoj en indikita egalvaloro per rekomendita letero.

Modelon de „ALIĜILO“ vidu en O. I. de I. A. E. F., januara numero de „ESPERANTO“.

Morala devo de ĉiu nia ano estas, ke li alvarbu almenaŭ unu fervoran membron. Aliĝo al UEA estas rekomendata al ĉiuj I. A. E. F.-anoj.

Antaŭ vi faras ian demandon al la komitato aŭ redakcio, bonvolu atente tralegi ĉiujn ĝis nun aperintajn sciigojn en „La Fervojisto“, julio 1923, N-ro 1, kaj en Oficiala Informilo depost aŭg.-sept. 1923.

*Redaktoro:* Josef Blažek, inspektoro, Olomouc, Müllerova 24 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiujn manuskriptojn por la Oficiala Informilo).

*Kasisto:* Emanuel Kubásek, revizoro, Plzeň, Lobezská 12 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiun monon por la I. A. E F. kaj la Oficiala Informilo).

---

**Kolegoj, kolektu anoncojn por nia O. I.** Postulu informojn ĉe nia administracio (kasisto).

**Grava sciigo.** En ekspedado de O. I. okazis ŝanĝo. Pro la supreniro de preskosto kaj afranko en Germanio, oni ne plu povos sendi „Esperanto“-n kun O. I. depost februaro 1924 al ĉiuj niaj membroj, kiuj ne estas UEA-anoj. La O. I. estos aparte presata kaj de nia administracio sendata eble nur dumonate pro ŝparo de afranko al ĉiuj niaj membroj, pagintaj la jarkotizon supre cititan. La januara numero t. e. la propaganda numero de UEA, estis sendita al ĉiuj I. A. E. F.-anoj, kun speciala cirkulero de la C. O. de UEA.

**Letero el Japanio.** Nia amiko, S-ro S. Aoki, sekretario de „Japana Asocio por la Ligo de Nacioj“, sendis salutleteron al ni el Tokio, datumita 20 decembro 1923, kiun nia redakcio kun ĝojo ricevis la 16an de januaro 1924. Invitante la ĉiulandajn fervojistojn al sukcesplena kunlaboro li skribas:

Karaj samideanoj!

Post la tertremo okazinta en nia lando la rekonstruado komencis esperplene, tiel same Esperanto-movado pli vigliĝis ol antaŭe.

Japana Asocio por la Ligo de Nacioj jam de longe bone ekkomprenis la necesecon de internacia lingvo, sed pro multega okupado ne povis ĝin efektivigi. Nun la Asocio aranĝis Esperanto-fakon sub la dankema helpado de Japana Esperanto-Instituto.

La Esperanto-fako nun aranĝis Esperanto-kurson por 50 asocianoj, sub la gvido de S-roj K. Ossaka kaj M. Oi, komitatanoj de Japana Esperanto-Instituto.

Granda celo de la Ligo de Nacioj estas eterna paco inter la popoloj dividitaj, por kio D-ro Zamenhof ja kreis la intergentan lingvon. Por la celo ni, diverslingvanoj en la tuta mondo, nepre devas interkompreni unu la alian, nur per la komuna lingvo Esperanto. Do la Asocio petas vin afable interŝanĝi raporton, presaĵon kaj jurnalon kaj kunlabori fervore por la bela songo de l' homaro.

Nia redakcio kore dankas kaj ripetas, ke ni ĉiam penas plenumi nian programon propagante la internacian lingvon Esperanto. Reciproke ni sendos al S-ro S. Aoki de tempo al tempo nian O. I. Samtempe ni invitas sincere S-ron S. Aoki kaj liajn amikojn, se tio estos eble al ili, partopreni nian fervojan fakkunsidon dum la XVIa Universala Esperanto-Kongreso en Wien.

**Nomaro de I. A. E. F.** (Vidu la numeron de O. I. Aŭgusto-Septembro 1923.) La membroj, kies adresoj publikigitaj en ambaŭ numeroj de malaperinta „Fervoja Esperantisto“ (numero 1—65—183), en la unua numero de „La Fervojisto“ (de N-ro 184—261) kaj en nuna „Oficiala Informilo“ (de post N-ro 262 . .) estis erare publikigitaj, anoncu tuj per poŝtkarto la ĝustan adreson al nia asocia kasisto E. Kubásek en Plzeň. La membroj, kiuj ne informas nin, ne plendu pri malregula ricevo de la O. I.

Daŭrigo.

N-roj 270—278 estas rusaj samideanoj varbitaj dum la Universala Kongreso en Nürnberg, de nia asesoro por Ruslando, S-ro Miĥaelo Valentinov, instruktoro en Moskvo, Ĉudevskoj N-ro 6. Li promesis la alsendon de la adresoj, sed ĝis nun ni nenion ricevis, tial ni ne povas publikigi la nomojn.

279. *Jakub Kalivoda, Přerov*, Hlavní náměstí, číslo 34, Ĉeĥoslovakio.
280. *Jan Smotlacha*, staciestro, *Bezdružice*, Ĉeĥoslovakio.
281. *Ladislav Krisl, Lom u Mostu*, Ĉeĥoslovakio.
282. *Jaroslav Vojtíšek, Nové Zámky*, Slovensko, Ĉeĥoslovakio.
283. *Ilija Puhalo*, fervojoficisto, I. A. E. F.-delegito, *Zagreb*, Jezuitska ul. 1, Jugoslavio.
284. *Marie Zíková*, oficistino, *Olomouc*, fervojdirekc. depart. VII, Ĉeĥoslovakio.
285. *František Novák, Horažďovice-Babiny*, Stacio, Ĉeĥoslovakio.
286. *Ernst Eriksson, Stockholm*, Wästeräsgatan N-ro 2, Svedlando.
287. *Emeriko Szücs, Timišvara*, Iv. Brittiu N-ro 25, Rumanio.
288. *František Chromec, Olomouc*, Wilsonovo nám. 24, Ĉeĥoslovakio.

Por la asocia jaro 1923-24, t. e. de post 1 aŭgusto 1923 ĝis 31 julio 1924, pagis jam la kotizon jenaj gesinjoroj: Leg. N-roj: 1, 3, 4, 8, 9, 10, 11, 14, 16, 21—23, 27, 31, 49, 54—56, 76—78, 80—83, 85, 88, 92, 102, 106, 113, 131, 148, 159, 172, 197, 198, 205, 211, 215, 219, 220, 222, 232, 233, 238, 240, 245, 248, 249, 251, 253—255, 257, 259, 260, 261, 263, 264, 266—267—270—278, 297—286, 287, 288.

La posedantoj de ĉi tie cititaj legitimacioj regule pagas la jarkotizon; sed ĉiu leganto vidas, ke mankas ankoraŭ la plimulto de I. A. E. F.-anoj, kiuj nekompreneble prokrastas plenumi sian devon Nia estraro pro donita vorto al UEA-estraro devas kaj volas pagi precize ĉiumonate la fiksitajn preselspezojn.

La administracio de O. I. estas devigata denove peti ĉiujn aliĝintajn I. A. E. F.-anojn, ke ili ne plilonge hezitu pagi la kotizon.

Laŭ niaj statutoj voĉdonrajtas en la estonta jarkunveno nur aktivaj membroj, t. e. kiuj pagis la jarkotizon fiksitan en la estinta jarkunveno.

*

## Internacia Fervoja Konferenco en České Budějovice.

### Raporto de S-ro Emanuel Kubásek.

La aranĝanto de la konferenco, fervoja centra inspektoro S-ro Johano Fritsch, oficiale invitis nian kasiston, S-ron E. Kubásek, kun deziro, ke li partoprenu dum ĉiuj 4 tagoj la laborojn, kiel raportisto de esperanta gazetaro. Kun plezuro ni publikigas lian interesan raporton petante, ke ankaŭ aliaj esperantaj gazetoj afable ĝin represu. *Red.*

---

Ĵaŭde la 24 januaro 1924 en granda salono de magistrata domo en České Budějovice (Ĉeĥoslovakio) oni malfermis internacian fervojan konferencon, en kiu krom aliaj gravaj problemoj oni traktis pri la horaro de rektaj kaj rapidaj interligaj trafikoj por ŝarĝvagonaroj, precipe en limstacioj inter Ĉeĥoslovaka Respubliko, Aŭstrio, Jugoslavio, Italio kaj Hungario, aplikata dum la jaro 1924-25.

La konferencon ĉeestis delegitoj de l' jugoslavaj ŝtataj fervojoj, italaj, aŭstraj kaj hungaraj, delegitoj de l' iama aŭstria sudfervojo kaj hungara sudfervojo, plie reprezentantoj de l' ĉeĥoslovaka fervoja ministerio kaj la koncernaj direkcioj de l' ĉeĥoslovakaj ŝtataj fervojoj.

La ĉeestantaron bonvenigis per tre sincera parolmaniero la urbestro, ministreja konsilanto S-ro Král, akcentante la gastigeman trajton ĉeĥoslovakan kaj la slavan karakteron entute, kaj esprimis esperon, ke ĉiuj delegitoj estos kontentaj. Li deziris al la konferenca laboro la plej grandan sukceson.

Post tio prenis la parolon direktoro de l' ŝtataj fervojoj el Plzeň, S-ro Koláček. Li bonvenigis la delegitaron sur la teritorio de sia direkcia distrikto. Li akcentis la signifoplenan penadon de ĉiuj fervojaj administracioj pri la plibonigado de internacia fervoja trafiko, de la komercaĵ-transporto kaj esprimis esperon, ke la sukcesplene plenumita laboro alportos kiel al la fervojaj administracioj, tiel ankaŭ al la komerco la dezirindan utilon.

Kiel reprezentanto de ĉeĥoslovaka fervoja ministerio bonvenigis ĉeestantojn la ministeria konsilanto inĝeniero Hula per la sekvanta parolo:

„Tre estimataj sinjoroj! Estas por mi granda honoro kaj plezuro, ke mi povas inviti vin en la nomo de l' fervoja ministerio de ĉeĥoslovaka respubliko al la komuna laboro sur la teritorio de ĉeĥoslovaka, sudbohema metropolo.

Ĉi tiu plezuro pligrandiĝas ankoraŭ per tio, ke vi kunvenas hodiaŭ, estimataj sinjoroj, unuafoje por konstrui firman fundamenton al internacia ŝarĝtrafiko, kies signifon en intereso de la ekonomia potenco de ĉiuj ŝtatoj mi ne bezonas plu aparte akcenti.

Same kiel estis konstatite jam dum Bologna kaj Budapesta konferencoj naskiĝis ĝenerala bezono, ke oni dediĉu al la internacia ŝarĝtrafiko almenaŭ saman zorgemon, kiel al la internacia pasaĝertrafiko. La ekonomiaj interesoj de ĉiuj ŝtatoj postulas, ke la fervojoj transportadu la akceptitajn komercaĵojn, kiel eble plej rapide al la difinita loko.

Memkompreneble, ke la rapida kaj seninterrompa transporto estas ebla sole sur la firme fiksitaj horaroj, kiuj kontentigos ĉiujn partoprenantajn fervojajn administraciojn.

La plej grandan barilon kaj malhelpaĵon por la rapida transporto de l' sendaĵoj faras, kiel montras al ni la sperto ree kaj ree, la doganaj financaj proceduroj pri la transportataj objektoj kaj ĝus ĉi tiu problemo estos la plej granda kaj plej malfacila tasko por vi, limigi la prokrastadon de la transportataj sendaĵoj, per la konvena alvenado de ŝarĝvagonaroj en la limstacioj, por mallongigi tiel la necesan halton ĝis la limoj de ebleco.

Nepligrandan gravecon por la rapida transporto de la ŝarĝsendaĵoj havas ankaŭ ĝusta aranĝo de l' vagonaroj.

Kaj al ĉi tiu certe malfacila kaj grava laboro, mi vin ankoraŭ ree plejsincere bonvenas kaj deziras al via laboro bonan sukceson!“

(Daŭrigo sekvos.)

# KRONIKO.

## Brazilo.

*Rio de Janeiro.* La 15 decembro vespere, ĉe S-ino Adèle Duarte de Souza, prezidantino de la malnova asocio „Virina Klubo", okazis ĝenerala kunsido memoriga de la naskiĝa datreveno de Zamenhof. Post la kunsido oni ludis, kantis, deklamis kaj dancis.

— La morgaŭan tagon kelkaj dekoj da geesperantistoj kuntagmanĝis ĉe salono de la Palaco de l' Komerco, kie funkcias la Komerca Asocio de Rio de Janeiro kaj la Federacio de la Brazilaj Komercaj Asocioj. Ĝin prezidis D-ro Raul Pederneiras, universitata profesoro kaj prezidanto de la Brazila Gazetara Asocio. Legis la protokolon de la lasta vespermanĝo S-ro Ismael Gomes Braga.

D-ro E. Backheuser, universitata profesoro, legis interesan projekton pri la plej bona rimedo akceligi la progreson de Esperanto. Sprite paroladis D-roj Heitor Beltrão kaj J. B. Mello e Souza kaj bonege deklamis poezion F-ino Maria Luiza Bocayuva.

D-ro Theobaldo Recife entuziasme faris la oficialan paroladon pri la vivo de Zamenhof. D-ro Backheuser salutis D-ron Raul Pederneiras, kiu dankis kaj faris toaston je la memoro de Zamenhof.

— La 22 decembro okazis la 5ª ordinara kunsido de Brazila Ligo Esperantista sub la prezido de S-ro inĝ. A. Couto Fernandes.

F-ino Yrany Baggi de Araujo, dua sekretario, legis la protokolon de la lasta kunveno kaj S-ro Odillo Pinto, unua sekretario, la raporton de la prezidanto kaj la bilancon de l' kasisto.

Oni elektis S-rojn Carlos Domingues kaj Ismael Gomes Braga por kontroli la bilancon. La sekretario legis multajn leterojn lasttempe ricevitajn kaj S-ro prezidanto parolis pri la kreado de Centra Komitato kaj la demandoj senditaj de la Konstanta Reprezentaro de la Naciaj Societoj. Oni aprobis la decidojn de la lasta Universala Kongreso kaj elektis S-ron J. B. Mello e Souza kiel reprezentanton de Brazila Ligo Esperantista ĉe la Konstanta Reprezentantaro.

## Britlando.

*London.* S-ro Gueritte, eksprezidanto de la Franca Komerca Ĉambro en London, faris la 6 februaro en la Londona Sekcio de la Asocio de Lerninto de Francaj Superaj Komercaj Lernejoj paroladon pri Esperanto en la komerco. Ĉeestis la francaj komerca ataŝeo, ĉefkonsulo kaj konsulo, la prezidanto de la franca Komerca Ĉambro kaj multaj eminentuloj el la franca kolonio.

## Germanio.

*Dresden.* La G. E. A., loka unuiĝo Dresden, kunvenigis la 30 januaro grandan parton de ĝia anaro en la feste ornamita „Malnova urba magistrata salono" por ĝojigi la honoran membron S-inon Hankel okaze de ŝia 80ª naskiĝtago. Sub la sonoj de la pilgrima ĥorkanto el „Tannhäuser" de Wagner, ludita de kvarteto de blovinstrumantoj, la jubileulino estis enkondukata en la salonon dum la multaj ĉeestantoj salutis ŝin per solena leviĝo. Post la ĥoralludo „Laŭdu ni Dion, potencan la reĝon de l' tero" samideano Johannes Karsch gratulis S-inon Hankel per varmaj vortoj al ŝia 80ª naskiĝtago kaj donis poste detalan bildon pri la vivo de la jubileulino ĝenerale kaj de ŝia Esperanto-vivo speciale. La paroladinto menciis aparte la plenkoran, sindonan, la ĉiaspecan laboron kaj la fajran entuziasmon de S-ino Hankel por nia afero kaj alvokis la ĉeestantaron, fariĝi simila al ŝi en tiu ĉi glorindaj celoj. La priskribo de la Esperanto-vivo de S-ino Hankel estis ilustrata per kanto „Esperantujo" (F-ino Hildegard Nickel, Potsdam, kiu nur por tiu ĉi celo venis Dresdenon, kun fortepiano-akompano de S-ro Brüggmann) kaj per deklamoj de poemoj el la „Sableroj" (F-ino Knappe, Wild, Schindler, S-ino Krestanoff), komuna kantado de la Esperantohimno finis la impresan unuan parton de la festo. Poste S-ro Engst gratulis nome de la Loka Unuiĝo, D-ro Heinrich Arnhold nome de G. E. A., samtempe sciigante, ke tiu ĉi asocio decidis nomi S-inon Hankel „honora membro". Parolis post pianoforte-ludo de „Berceuse" (Chopin) de S-ro Brüggmann ankoraŭ reprezentantoj de la Esperanto-instruistaro (S-roj Weitzmann, Scheibler, Sohrmann), F-ino Nickel en komisio de la Berlinaj grupoj, kaj F-ino Kunze por G. E. kaj la firmo E. & B. La himno de Beethoven „La gloro de Dio en la naturo" majeste finis la festvesperon, kiu estis riĉa elmontro de la granda honoro kaj amo, kiun la kara okdekjarulino ĝuas ĉe la samideanaro. S-ino Hankel en elokventa parolado dankis por ĉiuj gratuloj kaj bondeziroj kaj promesis, la al ŝi ankoraŭ restantan vivotempon same kiel ĝis nun dediĉi al nia kara afero!

*Joh. Karsch.*

*Freital* (Dresden). 5 marto infanfesto esp. kun varia programo.

*Koblenz.* Loka grupo de G. E. A. Post paroladoj nova kurso kun ĉ. 15 partoprenantoj. Samtempe blindulo kaj 2 surdmutuloj studas Esperanton. — La adreso de la 1ª sekretario de la Esperanto-Grupo Koblenz estas: L. Funken, Florinsmarkt 7a, I, Koblenz.

*Radebeul.* La 6. II. S-ro Krestanoff paroladis en Radebeul'a Esperanto-grupo pri popolaj kutimoj kaj kredoj en Bulgario. Li estas invitita paroladi je la sama temo en Dresden la 27. II.

*Reichenhall* (Bad). Fondiĝis unuiĝo kun 12 anoj. Prezid.: H. Raab, Kammerbotenstr. 4, III.

## Greklando.

*Samos.* Post longa kaj detala ekzameno de la Regularo de la flanko de la enlanda juĝistaro laŭleĝe, la Samosa Tribunalo decidis favore por la akcepto de la submetita regularo kaj tiel Samosa Esperanta Societo definitive leĝigita, rekomencis post 12-jara duondormo sian funkciadon kiel oficiale aprobita societo de la lando.

Kvindek novaj kaj malnovaj geesperantistoj rapidis enskribiĝi, kies 25 estis ankaŭ varbitaj al UEA. (Imitinda ekzemplo; Rim. de l' esp. kompostisto.)

## Hispanio.

*Bilbao.* Sufiĉe granda estas nuntempe la Esperanto-movado en Bilbao. Oni rimarkas, ke la preparaj laboroj por la IIª Kongreso de Iberaj Esperantistoj, kiu okazos ĉi tie dum venonta junio, renovigis la entuziasmon de niaj samideanoj. Tri kursoj funkcias nuntempe. — La Organiza Komitato de la Kongreso de Iberiaj Esperantistoj preparas la eldonadon de ĉiumonata bulteno, kiu estos organo de la kongreso.

Lastatempe ni scias, ke la hispana reĝo akceptis la honoran prezidantecon de la IIª Kongreso de Iberiaj Esperantistoj. *L. de O.*

*Córdoba.* Dank' al la fervora klopodado de la del. de U. E. A en Córdoba Esperanto nun estas instruata en la privata lernejo „Escuela Obrera" de profesoro Vaquero, nova esperantisto.

La delegito fiksis premion de 25 pesetoj por tiu lernanto kiu plejbone parolos Esperanton ĝis monato majo de nuna jaro.

## Hungario.

*Budapest.* La 25 januaro antaŭ 40 personoj laŭtlegis univ. prof. D-ro Zoltano Pázmány de Szilas interesan priskribon pri la mondlingva literaturo de polaj kaj litovaj judoj. Vicprezidantoj Nagy-Molnár kaj D-ro Lóránd salutis en nomo de la societo la profesoron prò la interesa, valora laŭtlegado en nia lingvo.

## Italio.

*Genova.* La „Laborista Esperanto-Grupo" post la atako, kiun suferis kelkaj siaj anoj, nun revigliĝas; nuna sidejo ĉe la „Popolaj Vesperaj Lernejoj" en Placo Embriaci 5/3. Kunvenoj ĉiumarde kaj ĉiuvendrede de la 20,30 ĝis la 22. Ĉiu samideano vojaĝanta al Genova, estas varme petata viziti la L. E. G.'n. La nuna konsilantaro de la L. E. G. estas jena: S-ro Barni, Giovanni, prez.; S-ro Managlia, Ettore, sekr.-kas.; S-ro Zunino, Silvio, vicsekr.; S-ro Menichi, Lorenzo, vicsekr.; S-ro Falconi, Armando bibl.; S-ro Bianco, Ernesto, bibl.; S-ro Poggi, Maurizio, helpanto; S-ro Podesta, Dario, sindiko; S-ro Servadio, Arturo, sindiko. Delegito de la „Itala Esperanto-Federacio" estas S-ro Ettore Managlia (reelektita). Praktika Esperanto-kurso por grupanoj okazas en la grupa sidejo ĉiumarde kaj vendrede vespere. La L. E. G. daŭrigas la dissendadon de la de ĝi tradukita kaj eldonita (10.000 ekz.) Mazzini'a verko „Devoj de la homoj" sendante ĝin ankaŭ al la nuna itala registaro kaj aliaj aŭtoritatoj ricevante aplaŭdajn leterojn, kiujn enkadrigitaj estas publike ekspoziciitaj propagande en butiko-fenestroj. Rapidan kurson gvidis prof. Don Facco en la Instituto Vittorino da Feltre, kaj baldaŭ malfermos praktikan kurson en la sama ejo. Helpos lin la loka delegito de la Itala Esperanto-Federacio. Prof. D. Facco nun gvidas elementan kurson ĉe la Vespera Teknika Lernejo „Vincenzo Ricci".

— Laŭ ordono de la urbestraro, D-ro Aldo Schmukher, nia vic-delegito, en januaro komencis kurso de Esperanto ĉe Vespera Komerca Lernejo. La kursanoj (14—18 jaroj) bone progresas kaj avidas eksterlandajn korespondantojn. Adreso: Senda serale Commerciale V. Troja, Piazza Vigue, Genova.

## Jugoslavio.

*Bakar* (Buccari). Nia fervora delegito Branko Širola, ŝipestro kaj instruisto de la angla kaj esperanta lingvoj en la loka marista akademio, sendas al ni sian belan artikolon aperintan en la jugoslava duonmonata marista revuo „Jugoslava Maristo" presita en la serbo-kroata lingvo kiel „Jugoslovenski pomorac", sub la titolo „Maristoj kaj Esperanto". Ĝi enhavas sekvantajn ĉapitrojn: 1. Uzado de Esperanto en la mara vivo kaj komerco. 2. Pasilalia aŭ lingvo internacia en la estinteco kaj estanteco. 3. Kreo kaj evolucio de Esperanto. 4. Nuna esperanta registaro (C. K.). 5. Esperanto en Jugoslavio. 6. Rekomendo kaj peto al marista junularo kaj ministro de la instruo por komenci nedevigan Esperanto-instruon en la tri jugosl. akademioj en Bakar, Dubrovnik kaj Kotor. — Nia delegito malfermis Esperanto-kurson en la sama akademio kun 18 lernantoj.

*Igrane* (Dalmacio). Dank' al la sindona agado de samideano R. Grbić malfermiĝis la unua kurso kun 10 lernantoj. La oftaj vizitoj de S-ro Sumiĉ, vigla pioniro el Podgora, alportas al nia loka movado tre bonajn fruktojn.

*Korčula* (Dalm.) La supera impostestro S-ro Drvis gvidas kurson kun 32 partoprenantoj. Krom tio li instruas 4 instruistinojn de la loka monaĥinejo. En multaj lokoj de nia insulo kreskas la intereso por Esperanto. Notindaj estas la sukcesoj en Blato, Bačišće kaj Žrnovo.

*Orebić* (Dalm.). Ne ĉie ni povas konstati fortan intereson de inteligentularo por Esperanto, ĉar la plej multaj interesantoj kolektiĝas en la rondoj de laboristaro kaj studentaro. Nia loko faras escepton en tiu rilato, ĉar la lokaj juĝisto S-ro Krstelj kaj dekano S-ro Laneve entuziasme disvastigas niajn lingvon kaj ideon.

*Mali Prolog* (Dalm.). S-ro Nikolac preparas la grundon por la ekfloro de nia movado ankaŭ en nia vilaĝeto. 22 vilaĝanoj diligente lernas.

*Podgora* (Dalm.). Ideala pioniro S-ro Sumiĉ senripoze propagandas de vilaĝo al vilaĝo. La fruktoj baldaŭ montriĝos.

*Dubrovnik* (Dalm.). La novaj samideanoj en nia loko faras verajn miraklojn. La Esperanto-Klubo ĵus eldonis nacilingvan broŝuron pri la Venezia komerca konferenco, kiun oni senpage disdonis al la komercistoj. La prezidanto D-ro Velnic preparas tradukon de la raporto pri Esperanto ĉe la Ligo de Nacioj.

*Split* (Spalato). Admirinda estas la laboro plenumita de la Esperanto-Klubo en Split dum neplenaj du jaroj. Ĉie en la mondo ni estas jam konataj kaj ŝatataj. Malproksimaj samlandanoj ofte skribas al ni kaj interesiĝas pri la detaloj de la enlanda movado. Meritplena samlandano J. M. Vujičić el Auckland (Nova Zelando) konsciante pri la gravaj elspezoj faritaj por la propagando en Dalmacio flanke de nia klubo en Split, aranĝis kolektadon por nia movado kaj sendis al ni belan monsumon de 2 £ 17 ŝ. Ni kortuŝe dankas la bravan malproksiman samideanon kaj citas samtempe la nomojn de la malavaraj donacintoj: S-roj Rastoviĉ, Franiĉ, Periĉiĉ, Devčiĉ S., Pivac, Radovančiĉ, Lukau, J. Katiĉ, Ivičeviĉ, Vidoviĉ, Godinoviĉ, Jugoviĉ, Devčiĉ Z., Cvitanoviĉ, Šimunoviĉ, Antunoviĉ, Božiĉ, Juretiĉ, Djikoviĉ, Deliĉ, Dean, Majstroviĉ kaj Vujičiĉ. Ilia ekzemplo instigu ĉiujn niajn samlandanojn en la aliaj mondpartoj fari ion similan.

Laŭ la decido alprenita ĉe la I[a] Sudslava Esperanto-Kongreso en Zagreb la II[a] kongreso de la samideanoj en Jugoslavio okazos en la antikva urbo Split (Spalato). Antaŭ ol decidi la precizan daton de la kongreso ni petas la tutmondan samideanaron helpi nin per taŭgaj konsiloj kaj proponoj. La II[a] signos novan gravan epokon en nia enlanda movado. Ĉiuj kunhelpu, ke ĝia sukceso ne forestu!

*R. Rupčiĉ.*

## Nederlando.

En la jara ĝenerala kunveno de akciuloj de la „Centra Esperanto-Librejo" la bilanco, la konto de perdoj kaj profitoj estis aprobitaj kaj la dividendo fiksita je 5% (antaŭan jaron $5^1/_2$%). Kiel komisaro estis reelektita S-ro D-ro H. C. Mees en 's-Gravenhage.

## Palestino.

En tiu ĉi interesa lando, lulilo de potencaj religioj, nia movado komencas enpenetri. La fondo de hejmlando hebrea, kaŭzis la enmigron de ĉiulandaj hebreoj, inter ili pluraj esperantistoj, kiuj nun kiel pioniroj eklaboras por nia afero. En Jaffa, Tel Aviv, Har Kineret, Jerusalem jam estas radikoj de estonta arbo. Hektografita gazeto „Hebrea Esperantisto" eldoniĝas.

## Portugalo.

*Lisboa.* Oni povas diri, ke la movado en nia urbo revivas. Baldaŭ Lisbona Societo rekomencos sian laboron kaj estas preskaŭ certa la oficialigo de Lingva Subkomitato, kies sekretario estas S-ro Martins d' Almeida.

*Esperantista rondo Amikeco.* Okazis 6 januaro inaŭgurfesto de tiu ĉi rondo en ĝia sidejo „Rua de Fé" 23, 10. Prezidis S-ro Francisko da Silva kaj varme parolis pri la kara ideala S-ro Jaustra, samideano Winkler, pola samideano, H. Hohĥejzer kaj Saldanha Carreira. La viglaj samideanoj, kiuj estas la nuna kaj unua direktantaro de la societo, S-roj Delgado, Costa e

Franco donacis poste glasonda porto kaj oni toastis entuziasme je la vivo de la societo kaj prospero de Esperanto en nia lando.

*Esperanta Portugala Polica Societo.* Dimanĉon 12 januaro okazis la remalfermo de tiu ĉi societo per festo prezidita de la ĝenerala Komisaro de la Polico. Tiu ĉi estas tute favora al la ideo kaj jam permesis la kurson kiu havas 30 lernantojn kaj inter ili 4 policestrojn. Ĉiuj vigle laboras por ke baldaŭ la societo interrilatiĝu kun la similaj en la eksterlando. La nuna komisaro estas la militkruca majoro Ferreira do Amaral. La kurso estas gvidata de Saldanha Carreira.

(Laŭ letero de S-ro *Saldanha-Carreira).*

## Pola Respubliko.

*Warszawa.* Fine de pasinta jaro formiĝis tie ĉi „Akademia Esperantista Rondo" ĉe Hebrea Akademia Asocio (Zydowska Strzecha Akademicka). La estraro konsistas el: 1. Prez. St. Folman. 2. Sekr. J. Wizenberg. 3. Bibl-ino Judyta Bresler. 4. Kas. David Frischman. La rondo aranĝis ciklon de prelegoj, el kiuj unu jam aperis en 19 januaro 1924. Parolis E. Wiesenfeld pri „Historiozofio de internaciaj lingvoj" kaj S-ro Hartman pri „Hodiaŭa stato de esperantista movado".

La rondo malfermis du kursojn kun 25 partoprenantoj. Gvidas S-ro Jerzy Pik. Aliĝas 40 gestudentoj al la Akademia Rondo (5. II. 24.)

Adreso por korespondado: Akademia Esperantista Rondo ĉe Zydowska Strzecha Akademicka, Warszawa, Nowy Swiat 21, aŭ prez. S-ro Stanislaŭ Folman, Warszawa, Pańska 13a.

*Stryj.* La 2 decembro ekskursanoj de *Borislava* grupo esp. aranĝis propagandpublikigon kun ekspozicio de esperantaĵoj. Okaze loka junularo de fervoja Laborista Ligo aranĝas la novan grupon en petroldistrikto.

## Rumanio.

*Bucuresti.* Komitatkunsido de Ruma Esperantista Societo (RES) decidis elekti por ekstera reprezento kiel vicprezidantojn S-rojn Henriko Fischer (L. K.) kaj D-ron Francisko Iosif; kiel ĝen. sekr. S-ron inĝ. I. Giuglea; kiel reprezentanton de la aligitaj landpartoj S-ron majoron A. Hasenöhrl; kiel reprezentanton de UEA S-ron ĉefdelegiton Andreo Ĉe kaj kiel sekretariokasiston S-ron Tiberio Morariu.

La 16 februaro okazis ekzameno de esp. kurso en la ŝtata liceo „Matei Basarab". La ekzamenon prezidis S-ro Constantinescu, direktoro de la lernejo, kiun agrable surprizis la flua parolo de la liceanoj partoprenintaj la 12-lecionan kurson.

*Caransebes* (Banato). La 10 februaro, dimanĉe vespere okazis propaganda kunveno en la „Katolika Kunvenejo". Ĉeestis ankaŭ esperantista delegitaro el Bukuresto. Ĉeestis ĉirkaŭ 200 personoj, el kiuj multaj enskribiĝis al la nova kurso de S-ro Edmundo Vincze, del. de UEA. En la hotelo „Verda Arbo" bankedo kun gaje esp. atmosfero finis la sukcesan prop. vesperon. Kiel gasto ĉeestis ankaŭ S-ro Emanuelo Berger el Timisoara.

*Lugoj* (Banato). La 11 februaro en la festa ĉambrego de hotelo „Dacia" estis propaganda kunveno ĉeestita de ĉirkaŭ cent personoj, inter ili S-ro prefekto Cornean, S-ro urbestro Harambaŝa kaj la direktoro de la polico k. a. Prezidis S-ro advokato D-ro Horvath, prelegis kaj parolis S-roj D-ro Horvath, A. Ĉe kaj T. Morariu. La favora konduto de la estraroj multe helpas la kursokomencajn laborojn de la fervora UEA-Del. S-ro Edmundo Vincze.

*Targul-Mures* (Transilvanio). En la urba komerca lernejo S-ro direktoro Diaconescu enkondukis esp.-kursojn, kiujn gvidas S-ro P-ro D-ro Kadar.

— S-ro Francisko Rado, instruisto, la 12an de januaro malfermis kurson por 37 gelernantoj 8—10-jaraj.

*Tighina* (Besarabio). S-ano I. Bauch gvidas kurson por 8 personoj.

*Turnu-Severin.* Mihaelo Dudas, del. de UEA en Orsova faris tie ĉi viziton, la 20an de januaro, por prepari kurson kaj grupon.

## Proceso kontraŭ Esperantistoj en Rumanio.

*La verda stelo rigardita kiel ruĝa.*

La 28an de januaro antaŭ la militista tribunalo en Cluj [Transilvanio, Rumanio] okazis interesa pritraktado de proceso kontraŭ 28 junlaboristoj, inter kiuj pluraj esperantistoj, akuzitaj pri komunismo.

En la jaro 1922 la junlaborista organizaĵo en Cluj aranĝis kulturajn prelegojn kaj kursojn, inter kiuj ankaŭ tiun de la lingvo Esperanto. La partoprenantojn baldaŭ oni arestis, kulpigis ilin pri komunismo, la verdstelan insignon deŝiris, esperantaĵojn konfiskis, kaj tenis ilin dum 5 monatoj en malliberejo. Post la esplorado oni liberigis ilin, sed la procedo daŭris ĝis nun.

La ĉefa kaŭzo de la bedaŭrinda persekuto estis eraro de policanoj, kredantaj, ke la verda stelo, ĉar kvinpinta, estas komunista insigno.

Kvankam sur la kulpolisto troviĝis nenio pri Esperanto, tamen la defendo citigis antaŭ la juĝistaron kiel atestantojn ankaŭ S-rojn Andreo Ĉe kaj Tiberio Morariu, gvidantojn de la rumania Esperanto-movado el Bucuresti, por klarigi al la juĝejo kaj polico, ke Esperanto kaj komunismo ne estas la samaj aferoj. Sed tio montriĝis nenecesa, ĉar la inteligenta kaj bonvola prezidanto de la juĝistaro, S-ro kolonelo Tucas, en la ĉeesto de la cititaj esperantistoj, mem faris la jenan deklaron: „Pro la kursoj de Esperanto ne estis farata kulpigo, ĉar lerni Esperanton estas ja eĉ laŭdinda afero. Mi deziras, ke ĉiu homo lernu tiun lingvon, kaj ankaŭ mi mem volonte lernus ĝin, se mi havus la sufiĉan tempon, ĉar Esperanto estas ne nur utila afero, sed ankaŭ tre bela kulturmovado, por interproksimigi la homojn. Sed, se iu uzas tiun lingvon por celoj malpermesitaj, kaj se troviĝas pruvoj, tiam oni punas lin same kiel pro krimoj faritaj per alia lingvo."

Ĉar seriozaj pruvoj pri la kulpeco de la senkulpe persekutitaj kaj suferintaj junuloj mankis, la juĝistaro absolvis ilin.

La inteligentaj vortoj de la prezidanto saĝe kontraŭdiras la ridindan kaj stultan opinion de bedaŭrinde sufiĉe multaj obskuruloj, ne kapablaj trovi la diferencon inter la lingvo kiel neŭtrala interkomprenilo, kaj iu movado, servebla per tiu lingvo.

Lastatempe ni legis pri similaj aferoj okazintaj en Polujo. Ni esperas, ke la kompetentaj samideanoj klopodos klarigi la konfuzajn ideojn.

*E. C. R.*

---

# *Printempo en Sicilio.*

*Klasikaj reprezentadoj okazos en la greka teatro de Siracusa (Sicilio) dum ĉi tiu printempo. Itala fervojo donas 50 procentojn da rabato. Esperantistoj dezirantaj ĉeesti kaj partopreni internacian Esperanto-kunvenon tie petu informojn de prof. Luigi Scatà, Via Cavour 43, en Siracusa (Italio).*




## Internacia Radio-Asocio.

☆☆

**Celoj:**

1. Faciligi rilatojn inter Radiuloj tutmonde per la internacia lingvo Esperanto.
2. Liveri teknikan helpon kaj informon de internacia karaktero per Esperanto al ĉiu interesi'a pri Radio, esperantisto aŭ ne.
3. Ellabori esperantan radio-vortaron.
4. Eldoni „Internacia Radio-Revuo“, kiu interalie per esperanta resumo de originalaj artikoloj el diversaj lingvoj, disponebligos al la legantaro teknikajn dokumentojn alie nehaveblajn, kaj kompreneblajn nur tre malfacile.
5. Pritrakti ĉion alian, kiu estas en la kampo de internacia Radio-asocio ĉi tia.

**Membreco.**

Povas membriĝi ĉiu persono, esperantisto aŭ ne, kiu sin interesas pri Radio, amatore aŭ profesie, kaj favoras la adopton de Esperanto kiel la Internacia Radio-Lingvo.

**Kotizo.**

La jarkotizo en Britujo estas 1 $.; alilande unu svisa franko aŭ ties ekvivalento; kiun oni pagu al la Hon. Sekretario je la adreso sube montrita, aŭ al nacia sekretario kie tia ekzistas.

Prezidanto:
*D-ro Pierre Corret* (F. A. E.)
Comité Intersocietaire de T. S. F.
97 Rue Royale
Versailles (France)

Honora Sekretario:
*Harry A. Epton* F. B. E. A.
17 Chatsworth Road
London E. 5.

☆ ☆ ☆

## Paroladoj el Genève.

UEA aranĝos por *Lundo, 31 Marto,* je 21 h. (centra Eŭropo) do 8a vespere (Londono) el Ĝeneva radio-stacio (ondlongeco: 1100 m.) paroladon de D-ro Privat esperante pri la programo de la Aprila Konferenco en Genève. La *Mardon, 18 Marto,* D-ro Privat parolados france pri mondlingvo kaj Radio el la sama stacio je 13 h. 15 m. (C. E.) do tagmeze por francoj. Aŭdintoj bonvolu sendi poŝtkarton al UEA tuj poste, por ke oni sciu ĝis kia distanco oni aŭdis.

* * *

## Paroladoj el Praha.

Sekve de la sukcesinta parolado pri Ĉeĥoslovakio, aŭskultita en ĉiuj partoj de Eŭropo kaj priskribita en multaj ĵurnaloj diversnaciaj „Radio-Journal“ de Praha aranĝis el sia stacio Kbely apud Praha la 2 Marto, je la 21 h., esperantan paroladon de S-ro Pitlík pri la eminenta komponisto ĉeĥa Frederiko *Smetana*, kies centjaran datrevenon naskiĝan la ĉeĥa nacio la 2. III. 1924 solene festis. Lia opero „Vendita fianĉino“ estis prezentita en ĉiuj ĉefaj operejoj de la mondo. La paroladon antaŭiris de 19 h. 15 m. — 21 h. radiotelefona koncerto, enhavanta komponaĵojn de Smetana.

Esperantistoj, precipe Del. de UEA, nepre sendu gazetartikolojn tiurilatajn — pro priesperanta propagando — al A. Pitlík, Praha II. 1999, kiu al ĉiu sendinto sendos poŝtkarton kun la *lasta* fotografaĵo de D-ro Zamenhof. (La februara numero de nia gazeto jam estis prespreta; tial ni aldonis rimarkon ĉe la artikolo pri Smetana pri supra dissendo.)



S-ro AUGUSTIN PITLIK
Ĉefkomisario de Ĉeĥoslovaka Komerca Ministrejo
(ĉe Broadkasta aparato).

* * *

## Parolado el Newark, N. J., Usono.

Je la 6,15 horo vespere (18,15 horo de la tago Novjorka tempo) 5 aprilo 1924, mi parolados de WOR-stacio en Newark, New Jersey, Usono. Tiu stacio uzas 405 metrojn de ondolongeco, kaj kutime anoncas la programerojn sub nomo „Bambergers‘, anstataŭ aŭ kune kun „WOR“. Oni jam ofte aŭdis ĉi tiun stacion ĝis Mez-Eŭropo, la Havaj insuloj en la Pacifika Oceano kaj Mez-Ameriko. Ĉi tiun fojon mi esperas, ke eĉ Japanujo kaj Ĥinujo aŭdos WOR.

Multe da intereso ekzistas ĉi tie pri tiu ĉi eksperimento, ĉar mi anoncis, ke mi faros la unuan klopodon paroli de Nord-Ameriko en Esperanto trans maroj kaj landlimoj. Pro granda propagando kiun ni en Ameriko lastatempe faris pri Esperanto kaj radio-telefono, dek-miloj da radio-amatoroj atendas la 5 aprilo. Mi komencos la paroladon en angla lingvo por propagandi nian aferon al Nord-Ameriko kaj Anglujo, sed la lasta parto estos en Esperanto al la tuta mondo. La horo estas Novjorka tempo; ĝi estos 23,15 horo en Londono; la 0,15 de dimanĉo, 6 aprilo en Parizo kaj Berlino ktp.; la 8,15 dimanĉon en Tokio; la 5,45 sabaton vespere en Habano, Kubo; 5,15 vespere en Meksiko-Urbo ktp.

Mi petegas ĉiujn samideanojn uzu ĉi tiun okazon kiel eble plej multe kiel propagandilo kaj se ili aŭdas min, sendi al mi per kablogramo mallongan sciigon pri la fakto, adresante jene: SAYERS, UNIVERS, NEW YORK. Se vi ne povas kablegrafi tuj almenaŭ sciigu min letere, por ke mi povu utiligi la okazon plej bone en nia propagando. Mia poŝtadreso: *James Denson Sayers,* Box 223, City Hall Station, *New York,* Usono. Mi ankaŭ petas, ke ĉiu Esperantisto, kiu interesiĝas pri radio-telefono kaj Esperanta Monda Radio-Ligo tuj skribu pri tiu fako al mi.

## Alvokoj.

Esperantista gazeto regule ricevas aron da „Alvokoj“ pri celoj ĉiuspecaj. La represo de tiuj prozaĵoj kun tiom da superlativoj, adjektivoj kaj ofte superfluaj vortoj ne ĉiam estas ebla, malgraŭ la plej bona volo de la redaktoro. Ankaŭ troviĝas ofte parto kiu tre bone povus esti anonco kaj pagata por helpi la gazeton. Inter la 15a kaj 31a januaro ni ekzemple ricevis 22 alvokojn kiuj mezuris entute 6,5 metroj da manuskripto. Presante ilin ĉiujn, pli ol duono de la gazeto „ESPERANTO“ estus plenigota.

Ni do tre petas niajn korespondantojn sin limigi je la plej necesa kaj forlasi ĉiun troan esprimon: unuvorte *„alvoki“* koncize. Tiel, ili plezurigos ne nur la redaktorojn, sed ankaŭ la legantojn, kiuj preferas legi pri faktoj kaj realaĵoj. — Pro la nepra devigo je ŝparo, ni de nun resumos la alvokojn laŭ la disponebla loko, sed ni preferus ilin ricevi jam resumitajn. Estos de nun *Konkurso:* La plej mallongaj aperos unuavice.

*Red.*

* * *

## Surdmutuloj kaj Esperanto.

Bazante sin sur propono farita de la loka grupo en Koblenz al la Kongreso en Nürnberg kaj sur eksperimento farita en Koblenz, ĉe kiu tri surdmutuloj skribe montris lerneblecon de nia lingvo, la loka grupo deziras scii ĉu ankaŭ en aliaj lokoj surdmutuloj studas Esperanton. Respondojn oni adresu: Esperanto-Grupo, Adr.: S-ro Emil Stroh, Löhrstrasse 90, Koblenz a. Rhein (Germ.)

* * *

## Ĉinaj Esperantistoj.

La kreskanta intereso por nia lingvo en oriento bedaŭrinde renkontas gravan malhelpon. Ĉina studento... estas malriĉa; la aĉetoj de libroj en Esperanto estas por la plimulto... revo nerealigebla aŭ nur kun eksterordinara penado. Ĉe la Nacia Universitato en Peking, centoj da studentoj lernas nian lingvon. Por fondi bibliotekon en la universitato, oni sendu disponeblajn malnovajn librojn kaj gazetojn, kiuj estas kore akceptataj kaj dankataj. Adresu: K. Ĉ. Sunfizo, Del. de UEA, Docento de Universitato, The National University of Peking (Ĉinio).

* * *

## 1a Konferenco de Esper. Bankoficistoj.

Okaze la XVIa Universala Kongreso de Esperanto en Wien, aŭgusto 1924, aranĝos la „Grupo de Esper. Bankoficistoj“ en Wien Konferencon de samideanaj kolegoj. Por havigi riĉan raportmaterialon la gekolegoj el ĉiuj landoj estas petataj skribi al la grupo plej baldaŭe. Adreso: S-ro R. A. Ĉech, Wien IX/1, D' Orsayg. 7/23 (Aŭstrio).

* * *

## Enketo ĉe laboristoj.

La subskribintino, studentino ĉe la Virina Lernejo por socialaj studoj kaj membro de UEA dissendis dum tiu ĉi monato enketon al laboristaj grupoj pri lernado de nia lingvo.

Personoj ricevantaj tiun demandaron bonvolu respondi kiom eble plej precize; sinceran dankon al ĉiuj.

F-ino *J. Chappuis*,
Chemin Bizot, Genève (Svislando).

## Festo de floroj en Locarno.

Okaze de tiu ĉi festo je la 6 aprilo, la Lokarnaj samideanoj intencas organizi florumitan veturilon sur karmino-aŭtomobilo kun esperanta simbolo.

Tiucele ili deziras ricevi ideojn aŭ proponojn pri la aranĝo de tiu veturilo.

La propono kiu estos elektita ricevos premion. Ĉiu proponanto ricevos detalan raporton pri la festo de floroj.

Proponantoj skribu al la Esperanta Grupo Locarno (Svislando).

* * *

## Alvoko al la Framasonaro tutmonda.

K. F. Fr.

Dum la Esperanto-kongreso en Nürnberg la framasonoj ĉeestintaj kunvenis kaj decidis restarigi la „Universala Framasona Ligo“, kiu jam antaŭ la milito ekzistis sub la prezidanteco de D-ro Magalhaes Lima, Gr. M. de Portugalo. Tiu ĉi ligo havas por ĉefa celo la alproksimigo de la F-roj de la tuta mondo. Ĉar neŭtraleco estas precipa kvalito de la ligo, oni elektis Esperanton kiel oficialan lingvon. Por ebligi la aliĝon ankaŭ al ne-ankoraŭ-esperantistoj oni provizore ankaŭ povas uzi la naciajn lingvojn. La ligo sin ne okupas pri demandoj de regulareco aŭ de sistemoj, ĝi estas super ĉiuj framasonaj potencoj kaj estas simpla societo de framasonoj. Ni konsideras, ke alproksimigo, kaj antaŭ ĉio repacigo inter la fratoj de diversaj landoj estas urĝa kaj inda tasko. Nia alvoko do sin turnas al ĉiuj framasonoj de ĉiuj landoj, kiuj samopinias, aliĝi al nia ligo.

Jam ekzistas reprezentantoj de la U. F. L. en preskaŭ ĉiuj landoj kaj ĉie la ideo estas entuziasme akceptata.

La kotizaĵo por 1924 estas 2 svisaj frankoj aŭ egalvalora mono. Por landoj kun malalta monkurzo, malpliigo povas okazi.

Oni sin anoncu rekte al la subskribinto, prezidanto de la Ligo.

*D-ro med. Fr. Uhlmann,* priv. docento,
Missionstr. 48, Baselo [Svislando].

* * *

## Esperantistaj filatelistoj.

Jam kelkajn jarojn antaŭ la milito mi interŝanĝis kun bona sukceso poŝtmarkojn kun eksterlandaj samideanoj. La delegitoj de UEA konigis al mi fidindajn seriozajn kolektantojn. — Okaze de la Kongreso en Nürnberg mi volis fondi „Centran oficejon por interŝanĝo de PM inter esperantistoj“, sed poste mi estis bedaŭre detenita viziti la kongreson. Mi nun tie alvokas ĉiujn esperantistajn filatelistojn fondi kun mi tiean Centran Oficejon. Mi, sperta, longjara filatelisto, estas preta, preni sur min la direktadon de la oficejo kaj petas la filatelistaron, precipe transoceanan, sendi al mi fruktdonan materialon de neordinaraj PM de liaj landoj interŝanĝe je PM de aliaj landoj laŭ iu katalogo. Malgranda sendaĵo ne valoras la sendkostojn.

Justeca konsilanto (Justizrat) advokato *F. Goldbach*,
Memmingen (Bavario), Del. de UEA.

## AL NIAJ KUNLABORANTOJ

**Oni sendu la manuskriptojn, kronikaĵojn, anoncojn ĝis la 15a de ĉiu monato por apero en la sekvanta monato.**

## Oficialigo de Esperanto ĉe Poŝto kaj Telegrafo.

Kiel ni jam sciigis, la *Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝt- kaj Telegraf-Oficistoj* (ILEPTO) petas de la Internaciaj Unuiĝoj de la Poŝto kaj de la Telegrafo, ke ili, aŭ iliaj venontaj kongresoj konsentu:

1. permesi la uzadon de Esperanto en la internacia rilato administracia:
2. rekomendi al la geoficistoj, almenaŭ al la junaj, lerni Esperanton;
3. eldoni parton de la aliaj internaciaj revuoj, aŭ apartajn revuojn en Esperanto por la jam multnombra esperantista geoficistaro;
4. faciligi la vojaĝadon per aliŝoj „Oni parolas Esperanton", aŭ verdan stelon, ĉe la giĉetoj kie deĵoras Esperantisto;
5. permesi la uzadon de Esperanto kiel „klara" telegramlingvo.

La XVa Esperanto-Kongreso en Nürnberg akceptis unuanime tiucelan rezolucion kaj ĉiulandan kolektadon de subskriboj de esperantistoj kaj neesperantistoj kiel subteno kaj aldono al ambaŭ, farotaj petskriboj por la Poŝta kaj Telegrafa Unuiĝoj, dum venonta monato aprilo.

La subskribinto ricevis jam en Nürnberg aron da duoblaj subskriboj, fordonis listojn kaj sendis ĝis nun entute 2000 listoparojn al ĉiuj esperantistaj redakcioj, komitatanoj, societ- kaj grupestroj, kaj precipe al delegitoj kaj fakestroj, sed anstataŭ minimume 20.000 duoblajn subskribojn, rericevis ĝis nun nur 260 listoparojn kun entute 13.000 duoblajn subskribojn. Tamen, por sukcesigi niajn petskribojn, ni devas aldoni multe pli altan nombron da subskriboj. Urĝas, ĉar la 4 junio 1924 malfermiĝos en Stockholm la 8a Kongreso de la Internacia Poŝtunuiĝo kaj post nelonge la Telegrafa Kongreso.

Ni do petas vin ĉiuj subskribu, subskribigu kaj resendu nur tutplenigitajn listojn kun bonaj esperantistaj kaj neesperantistaj subskriboj, precipe ankaŭ de geoficistoj, ĝis plej malfrue fine de aprilo, *pli bone jam ĝis fino de marto 1924*, al la subskribinto. Listoj estas ankoraŭ haveblaj ĉe la subskribinto-Helpu do ĉiu kaj kolektu subskribojn en siaj rondoj kaj en sia urbo.

*D-ro Ed. Spielmann*, vicprez. de ILEPTO
P. K. 174 Transit, Bern (Svis.)

* * *

## Infanoj kaj Esperanto.

*Esperanto en la lernejon.* Tion oni ofte aŭdas kaj multaj instruistoj jam nun instruas infanojn — aŭ oficiale aŭ private. La unua instruado estas ĉiam facila, sed ĉiu propagandisto scias, ke estas malfacile konservi la unuan entuziasmon. Por ke la infanoj restu fidelaj al nia movado kaj por ke la instruisto donu varion kaj stimulon en la lecionoj, ni nepre bezonas konkursojn laŭ modelo de le infanamiko van Heek en Holando En ĉies memoro estas ankoraŭ lia malavara helpo destinita por premioj de bonaj infanleteroj.

En la kunsido de la tutmonda instruistaro okaze de la XVa Kongreso en Nürnberg estis elektata la subskribinta komitato, kies devo estas plilarĝigi la bazon, petante ĉiujn infanamikojn donaci monon aŭ konvenan Esp.-literaturon, por ke la konkursoj estu periode okazigataj. Ni kvitancos en ĉi tiu gazeto, se la donacanto deziras tion. La temoj estos publikigataj en *Esp. Junularo* kaj — se eble — ankaŭ en aliaj gazetoj.

Ĉiu partoprenu, laŭeble, por ke ni povu raporti pri vera internacieco en Wien je la XVIa Kongreso.

*Reinhold Scheibler*, prez., instruisto, Dresden-Wurgwitz. — *Georg Streidt*, lingvoinstruisto, Leipzig-Leutzsch, Lindenauerstr. 43 II. — *Richard Müller*, instruisto, Auerbach i. V., Gabelsbergerstr. 2

* * *

## Polico kaj Esperanto.

La „Tutmonda Polica Ligo" petas la delegitojn de UEA, ke ili bonvolu tuj post la sciiĝo pri ĉi tiu alvoko ekkomenci energian propagandon ĉe ilia policestraro sciigante ilin:

1. pri la ekzisto de nia fakligo esperanta, havante en 178 urboj 800 membrojn;
2. pri nia nunjara Liga Kongreso en Wien;
3. pri la decido de la 1a Internacia Viena Policĉefa Kongreso (Wien 1923), laŭ kiu oni nunjare decidos pri la enkonduko de Esperanto. La IIa Policĉefa Kongreso, same en Wien, okazos post la nia;
4. pri la ekzisto de nia liga fakrevuo, oficiala organo „La Policisto";
5. pri tiu ĉi fakto, ke laŭ la enketo de la prusa ministro D-ro Severing, sole el la prusa regno, sin anoncis 2030 policistoj por lernado de Esperanto.
6. pri nia peto, ke en via lando la kompetenta ministro bonvolu ankaŭ enketi: a) kiu jam scipovas, b) kiu lernas mem, c) kaj kiu volas lerni inter la tiea policistaro Esperanton.

Bonvolu zorgi, ke almenaŭ la lokaj grupoj abonu nian revuon, kiu publikigas oficialajn avizojn kaj alvokojn pri krimfaroj, ŝteloj, murdoj ktp.

Ĉiu sciigo estu sendota senpere al *A. de Marich*, direktoro de la Tutmonda Polica Ligo, Budapest IX, Üllöi út 59. IV. 8.

* * *

## Sendo de esperantaĵoj.

La Esperanta Domo en Milano alvokas al la tutmonda esperantistaro okaze de la proksima Esperanta Ekspozicio. Estas tre bezonate, ke oni sendu al ĝi esperantaĵojn, ĉar tiu ĉi Ekspozicio ludos tre gravan rolon por la propagando.

Verkistoj, eldonistoj, redaktoroj alsendu librojn, gazetojn, aliŝojn ktp.

Komercistoj, industriistoj, sendu esperantajn katalogojn, prezarojn, reklamfoliojn. Ĉiuj esperantistoj sendu interesajn objektojn kaj dokumentojn. La sukceso estas en viaj manoj.

La Milana Esperantistaro kore antaŭdankas por ĉiu helpo.

*Esperanta Domo*, Via Spiga 29, *Milano 4* (Italio).

* * *

## Helpo al infano.

*Tre estimata redaktoro!*

Nia instruisto rakontis al mi, ke la esperantistoj estas bonkoraj kaj helpemaj homoj. Mi estas ankaŭ esperantistino. Mi estas 13-jara knabineto, germana laborista filino senpatra. Mia patrineto laboras tre malfacile kaj gajnas tre malmulte, ni vivas tial en granda mizero. Sed mi estas suferema knabineto kaj necesas ripozo por savi mian sanon. Kia laborista esperantista aŭ alia bonkora familio eksterlanda akceptus min por kelkaj someraj semajnoj dum la libertempo.

Mia adreso estas: *Hildchen Kittler*, Berlin N. 58, Schönhauser Allee 125 III.

# LINGVAJ STUDOJ

## La uzo de grandliteroj

de *Petro Stojan.*

Neniu dubas, ke la propraj nomoj de personoj, lokoj, ŝipoj k. s. devas skribiĝi per komenca granda litero — *Andreo, Hektoro Hodler, Milano, Borneo, Lusitania, Mauretania, Fram* ... Ankaŭ nomoj de stratoj, artverkoj, romanoj — *Parka strato, Viktoria placo, Angelus de Millet, Venuso de Milo, La Revo de Zola, Faraono de Prus* ... Same la titoloj de institucioj, societoj, firmoj, gazetoj — *Centra Oficejo, UEA, Sud-Londona Klubo, Librejo Hachette, La Revuo, Literaturo* .... Krom tio ankaŭ la nomoj de patentitaĵoj kaj komercaj markoj — *Odol, Vivamol, Pianola, Radiola, Salvarsan, Kodak, Agfa, Vega, Ara* ... kaj nomoj de astroj, dioj, respektindaĵoj — *Siriuso, Mizaro, Merkuro, Jupitro, Apolo, Dio, Providenco, Sorto, Morto, Devo, Patrujo, Homaro, Mondo, Universo* ...

Ĝis nun nenia dubo povis okazi pri la grandlitero, ĉar ĝin unuanime uzas ĉiuj kulturaj nacioj ambaŭflanke de la Atlantiko kaj eĉ en Siberio, Aŭstralio, Nov-Zelando. Sed nun ni vidu la dubajn kazojn: *La dekan de Februaro, la* $27^{a}$ *de Marto, la* $22^{an}$ *de junio, mi revenos en oktobro, la kontinentoj de la Tero, la tero turniras ĉirkaŭ la suno, la krateroj de la Luno, la mutacio de luno, la Suna diametro.*

Tiu duobla uzado venas de la naciaj lingvoj, ekz. rusoj skribas montnomojn per ordinara litero, dum francoj per la granda ktp. Germanoj skribas ĉiujn substantivojn per la granda litero.

Ni alprenu la sendubajn kazojn supremontritajn kiel la bazon por solvi la dubajn. Se ni atente serĉos komunan por la sendubaj kazoj ideon, kiu ilin unuigas, tiam ni trovos ĝeneralan regulon pri la uzo de l' grandlitero. Tiu komuna ideo estas *ideo de unikeco*. Ĉiu aĵo unika, sole estanta, nenie ripetita, ĉiu persono individua — se ĝi portas aŭ havas sian apartan nomon — estas distingata per la grandlitero. Estis kaj estas multaj *revuoj*, sed *La Revuo* restas unika (eldonita de Hachette et Cie, redaktita de Bourlet, aperinta de la 1906 IX ĝis la 1914 VIII). Estis kaj estas multegaj leonoj sed la *Leono*, zodiaka stelaro inter la Kankro kaj la Virgo, restas unika dum 3000 jaroj de nia historio.

El vidpunkto de la unikeco ni devas skribi *Tero, Luno, Suno*, parolante pri la ĉielkorpoj, globoj de la Sunsistemo kaj skribi pri la *hejma tero, nova luno, subiranta suno* (aperantaj sub mil kaj mil variaj formoj). Male, kiel ni skribas *lundo, mardo, sabato, vintro, printempo, somero, semajno, monato* . . ., same ni povas skribi *januaro, februaro, marto.*

Sed escepte ni uzas grandliterojn por esprimi nian respekton: *Kristnasko, Pasko, Anunciacio, Homaro, Patrujo, Sorto, Dio.* En privataj leteroj pli decas skribi *vi*, ĉar *Vi* rezerviĝas por la reĝo, altrangulo, regnestro, Dio.

* * *

## Pri la apostrofado de „La“.

(Rilate al la artikoleto de S-ro Oskar Bünemann en N-ro 10/278)

„La virineto de l' maro“ superskribis D-ro Zamenhof al unu el siaj unuaj tradukoj el la fabelaro de Andersen, kiam li ĝin aperigis en „La esperantisto“ en la jaro $1889^{a}$. La artikolo estas en tiu preso regule apostrofata se ĝin antaŭas la prepozicio „de“. Tiun kutimon Zamenhof forlasis jam en la sekvinta jaro, kaj miascie li post tio neniam plu apostrofis la artikolon en prozo. — La forigitaj a-finaĵoj en represo de la fabelo en „Fundamenta Krestomatio“ estis ree aldonitaj — tie ĉi Zamenhof skribas jam ĉie „de la“.

Miaopinie Zamenhof preferis la plenan formon de la artikolo pro ĝia plikompreneblo kaj klaro. Apostrofado ja ofte rezultigas ankaŭ nepre evitindajn malkomprenaĵojn: lavo — l' avo, lano — l' ano, loko — l' oko ktp.

La apostrofado de „la“ montras — sekve — plie, ke mallongeco kaj koncizeco ne ĉiam estas preferindaj en nia lingvo. Mi memorigas pri la formoj el participo kaj verba finaĵo.

*H. Sakaria,* Tallinn.

* * *

## Miliardo = biliono?*)

La malboniĝo de la monvalutoj en Eŭropo ofte devigas nin uzi altajn cifervortojn: miliono, biliono, triliono, eĉ kvadriliono. La uzado de tiuj vortoj estas ankoraŭ sufiĉe malcerta, ne ekzistas interkonsento inter la esperantaj verkistoj pri la senco de tiaj vortoj. Dum „miliardo“ havas nur la signifon de „milmilionoj“, „biliono“ havas esence du signifojn „miliardo“ (franca) kaj „miliono da milionoj“ (aliaj lingvoj).

Mi proponas por ĝenerala uzado en la esperanta literaturo la malsupran sistemon akceptitan en la angla, germana, itala k. a. sciencaj literaturoj:

$10^{9}$ = „miliardo“ aŭ „mil milionoj“ — („miliardo“ aŭ „biliono“ laŭ franca kutimo).

$10^{12}$ = „biliono“ — „miliono da milionoj“ — „mil miliardoj“ — („triliono“ laŭ franca scienca kutimo).

$10^{15}$ = „mil bilionoj“ — („kvadriliono“ laŭ franca kutimo).

$10^{18}$ = „triliono“ — („kvintiliono“ laŭ franca kutimo) ktp.

Fikso de la sencoj de „biliono, triliono“ ktp. estas nepre necesa por nia *scienca* lingvo. Mi pensas, ke plej konsilinde estus efektivigi tiun fikson laŭ la angla-germana-itala kutima sistemo.

*H. Sakaria,* Tallin.

*) Jen kelkaj tradukoj de la vorto „biliono“: Boirac „Plena vortaro“: „mil milionoj“; Kabe „Vortaro de Esperanto“: „mil milionoj“ (franca sistemo); Verax „Encikl. vortareto“: „1.000.000.000.000; Grosjean-Maupin „Dict. compl. Fz.-Esp.“: „mil milionoj, milmiliono; Christaller „Deutsch-Esp. Wörterb.“: „milion-milionoj“ kaj (franc.) „mil-milionoj“.

☆

Ĉu

*vi repagis vian kotizon kaj abonon!*

*Se jes,*

*dormu trankvile, se ne* ...........




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. *Membro* (M) *5 Fr. Membro-Abonanto* (MA) *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* (MS) *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Aŭstrio:** Kr. 30, 75, 200; **Belgio:** Fr. 10, 25, 50; **Brazilo:** Milr. 6, 15, 30; **Britlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25: **Bulgario:** L. 50, 125, 400; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 20, 45, 100; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1.40, 3.50, 7.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50, 25; **Estonio:** Mk. 125, 400, 100,000; **Finnlando:** Mk. 25, 60, 120; **Francio:** Fr. 10, 25, 50; ***Germanio:** Mk. or. 2,50, 5,—, 15; **Greklando:** Dr. 25, 80, 300; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 30; ***Hungario:** Kr. or. 2,5 5, 15: **Irlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 60; **Japanio:** J. 2, 5, 10; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 250; **Latvio:** L. 3, 6, 15; **Litovio:** L. 6, 12, 30; **Nederlando:** G. 2.50, 6, 12; **Norvegio:** Kr. 5, 12.50, 25; ***Pollando:** Zlot. 3, 6, 15; **Portugalio:** Esk. 12, 30, 75; **Rumanio:** L. 100, 250, 600; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 75, 200, 500; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu aŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj.

*) Por Germanio, Hungario kaj Pollando en ora mono, pagebla laŭ taga kurzo en papermono.

La helpmembroj (HM) estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 10000; Germanio: Mk. or. 0,60; Hungario: Kr. or. 0,75; Pollando: Zlot. 0,75; Rumanio: L. 30 La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Teritorio de UEA Berlin.** — La 26 marto okazos ĝenerala kunveno de ĉiuj UEA-anoj Berlinaj en kafejo Josty, Potsdamer Platz, je la 7½ª vespere. Tagordo: konfirmo de la starigita teritorio Berlin kaj elekto de pliaj delegitoj. La statuto postulas, ke ĉeestu minimume la duono de la membroj, tio estas en Berlin 60.

**Varbado de Subtenantoj.** — Ĝis fino de monato februaro la nombro de aliĝintaj subtenantoj atingis 85. Ni bezonas 400, mankas do 315. Ni varme petas niajn bonvolemajn Delegitojn, ĉie atentigi je tiu maniero efike helpi al UEA. Por faciligi la varbabon, ni sendas premion al ĉiu persono aliĝanta kiel subtenanto. Al la 3 menciitaj sendaĵoj, Fundamenta Krestomatio, Vortaro de Kabe, kaj sendaĵo de literaturaĵoj diversaj ni povas sendi de nun:

Enciklopedia Vortaro Esperanta
de Ch. Verax, 250 paĝoj, 14,5×21 cm, bindita.

Poliglota Vade Mecum de Internacia Farmacio
de C. Rousseau, 285 paĝoj, 16×25 cm bindita.

Marista terminaro
de M. Rollet de l'Isle, bindita.

Estas unika okazo havigi al si valoran teknikan vortaron ne plu riceveblan kaj ne represotan en proksima estonto.

**Garantia kapitalo.**

*Dua serio:* — Frankoj svis.

| | |
|---|---|
| Antaŭa listo | 4500.— |
| 16. S-ro Herbert Hammer, Zürich | 300.— |
| | Fr. 4800.— |

**Averto.** — Jam kelkaj delegitoj en transmaraj landoj plendis pri la nepetita alsendo de poŝtmarkoj por interŝanĝo. Ni komunikas tie ĉi laŭvorte similan plendon kaj insistas, ke oni observu la statuton.

S-ro *K. Fritzsching*, Delegito de UEA en Caracas (Venezuelo), publike anoncas, ke pro manko de tempo kaj mono li ne povas respondi al multnombraj petoj pri sendo de „almenaŭ unu ilustrita poŝtkarto" aŭ pri interŝanĝo de poŝtmarkoj. Plezure li daŭrigos plenumi servojn petitajn de seriozaj membroj kiuj atentis artikolojn 64 kaj 68 de la statuto de UEA.

**Plendoj de Delegitoj en Usono.** — Jam plurfoje ni komunikis plendojn de Delegitoj el transmaraj landoj pri la maniero, postuli sendon de poŝtmarkoj. Laŭ la statuto Delegito nur bezonas respondi *informpeton*, kondiĉe, ke estu kunsendata la necesa afranko (art. 63—67). Sekve de la ekonomia krizo en Eŭropo la Delegitoj, precipe tiuj de neŭtralaj landoj estas superŝutataj de petoj pri monhelpo. Ni konigis nian vidpunkton en tiu ĉi afero; kelkaj Delegitoj formale eksiĝis pro tiaj petoj, sentantaj sin ĝenataj pro neebleco helpi. Fervora amiko de UEA skribis al ni kaj estas nia devo, publikigi tiun leteron, bone precizigante la aferon. Ni insistas, ke niaj membroj sin nepre limigu je *informpetoj*, ne senkuraĝigante per neformalaj servopetoj fervorajn amikojn de UEA.

„Kiel Delegito mi ricevas dum la jaro multe da leteroj, poŝtkartoj, cirkuleroj ktp., sed ne ofte mi sentas, ke mia respondo estas ŝatinda. Pri tio mi skribis al vi antaŭ kelkaj semajnoj, sed hodiaŭ mi deziras sendi al vi plibonan diron pri la specoj de komunikaĵoj kiun mi ricevas. Kompreneble aliaj delegitoj en Ameriko kaj alilande ricevadis similajn petojn por monhelpo ktp. plejparte. Eble la sekvan vi trovos presinda en „Esperanto", por kia sugestio ĝi havos por la tutmonda esperantistaro. Iaokaze, mi devus raporti al vi kiel Delegito.

Dum la lasta jaro de B . . . . . . . ., B . . . . . ., H . . . . . . ., M . . . . . kaj D . . . . . . mi ricevis petojn por monhelpo. Miaj respondoj estis preskaŭ nenio ol poŝtkartoj kun bedaŭroj, sed esperoj por ilia sukceso havigi la helpon.

De H . . . . . . . ., L . . . . ., F . . . . . . . ., K . . . . . . ., W . . . . ., S . . . . . . . . . . ., B . . . kaj B . . . . ., mi ricevis monpetojn, kun la natura historieto de malfeliĉaj kondiĉoj en la plimulto da okazoj, sed foje por propaganda afero. Al tiuj mi ankaŭ bedaŭris, ĝenerale per poŝtkarto.

De Hamburg, Tsang-Hsiang, Danzig kaj Zagreb venis proponoj por interŝanĝi poŝtmarkojn ktp, afero kiu plitaŭgas por reklamo en „Esperanto" ol sendi al Delegito.

Fine, estis la specialaj petoj por malgrandaj servoj, pri kiuj eble mi iom helpos aŭ jam helpis (de Moskvo, Debrescen kaj Daruvar), muzikaro, vendo de brodaĵo, aĉeto de teo.

Entute, mi kredas, ke la delegitaro de Ameriko estas petata por helpaĵoj kiujn ĝi ne aŭ nefacile povas doni, escepte en neoftaj okazoj. Mi bedaŭras, ke mi mem povas respondi nur neŝatinde, kaj interesus min se mi povus legi pri la spertado de aliaj. Mi ne kulpigas la skribantojn, sed mi esperas, ke baldaŭ Eŭropo elscios, ke ni amerikaj samideanoj estas malriĉ- kaj malinflu-ularo. Estas tre malfacile amasigi sufiĉe da mono por daŭrigi „Amerika Esperantisto". Mono en Ameriko? Jes; sed la monhavantoj ne havas intereson en Esperanto aŭ ia internacia lingvo. Tutkore via *Geo W. Lee*, Del., Boston."

**Subtenantoj.**

*Dua listo:*

22. S-ro Ruokis, Dotnava, Litovio; 23. S-ro Strong, Exeter, Angl.; 24. S-ro Carpenter, Escondido, U. S. A.; 25. S-ro Pratt, Monnefieth, Angl.; 26. S-ro Wallisfurth, Essen, Germ.; 27. S-ro H. Horsemann, Stockton, Angl.; 28. S-ro Jacobsson, Nordmaling, Angl.; 29. S-ro Silcox, Bath, Angl.; 30. S-ro Soubranne, Tulle, Francio; 31. S-ro Gerrit van Heck, Hengelo, Nederl.; 32. S-ro

Eliott, Plymouth, Angl.; 33. S-ro W. M. Page, Edinburgh, Angl.; 34. The Edinburgh Merchant Comp., Angl.; 35. S-ro Baart de la Faille, Arnhem, Nederl.; 36. S-ro Arabeno, Genova, Italio; 37. S-ro Offerhaus, s'Gravenhage, Nederl.; 38. S-ro Caumont, Bâle, Svisio; 39. S-ro Sitera, Omaha, U. S. A.; 40. S-ro Timmler, Omaha, U. S. A.; 41. S-ro Pfahl, Sydney, Aŭstr.; 42. S-ro Kozminski, Cleveland, U. S. A.; 43. S-ro Frost, Cambridge, U. S. A.; 44. S-ro Wright, Brooklands, Angl.; 45. S-ro Moesgard, Sonderborg, Danio; 46. S-ro Roesel, Boras, Svedio; 47. S-ro Leakey, Greybole, Angl.; 48. S-ro Winberg, Beugtsfors, Svedio; 49. S-ro Semizorov, Ust-Labinskaja; 50. S-ro Aalders, Amsterdam; 51. S-ro Sennomulo; 52. S-ro Facchi, Brescia; 53. S-ro Romein, Zeist, Nederl.; 54. S-ino Magnus Focke, Orléans; 55. S-ro Mawbey, Johannesburg; 56. S-ro Mühleisen, Regensburg; 57. S-ro Mann, Edinburgh; 58. S-ro Marly, Bordeaux; 59. S-ro Houghton, Abadan, Persio; 60. S-ro Wright, Worthing, Angl.; 61. S-ro Lindberg, Parola, Finnl.; 62. S-ro Engelmann, Rosny s. Bois; 63. S ro Jost, Zürich; 64. S-ro Schauenberg, Bruxelles; 65. S-ro Aron, Königsberg; 66. S-ro Aron, Gr. Esp., Königsberg; 67. S-ro Isbrücker, s'Gravenhage; 68. S-ro Dufrenne, Amsterdam; 69. S-ro Schattat, Königsberg; 70. S-ro Vodanovich, Dargaville; 71. S-ro Zoffmann, Kolding, Danio; 72. S-ro Kanervo, Tikkurila, Finnl.; 73. S-ro Brukle, Alsunga, Finnl.; 74. S-ro Maraury, Salamanca; 75. S-ro Merlotti, Coronel Pringles, Argent.; 76. S-ro A. Christen, New-York; 77. S-ro Silbernik, New-York; 78. S-ro Christen A. B., New-York: 79. S-ro Truffart, Aumale; 80. S-ro Schade, Wien; 81. S-ro Doering, Philadelphia; 82. S-ro Janik, Unter-Franzenstal: 83. S-ro Lazauskas, Dotnava; 84. S-ro Balasz, Kosiĉe, Ĉeĥosl.: 85. S-ro Friedrich, Kosiĉe; 86. S-ino Armleder, Genève; 87. Grupo Reichenberg, Reichenberg; 88. S-ro Glass, Portland, U. S. A.

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Aberystwyth* (Brit., Kimr.). — D.: S-ro Jack Edwards, librotenisto, 13 Heol Fawr.

*Adelaide* (Aŭstralio, Sa.). — D.: S-ro W. L. Waterman, fervojisto, 26 Henley Street, Torrensville.

*Airdrie* (Skotlando, Lanark). — D.: S-ro John Montgomery, fervojisto, 77 Chapel Str.

*Aispute* (Latvio). — D.: S-ro Adams Markaus, poŝtoficisto.

*Ajtos* (Bulgario). — D.: S-ro Konstantin Kiprilov, instruisto gimnazia.

*Alagóu* (Hispanio, Zaragoza). — D.: S-ro Roque Lope, kuracisto, Mayor 10.

*Alsunga* (Latvio, Kurzeme). — D.: S-ro Krists Brûkle, instruisto, Alsungas Skola, Aizpute.

*Annaberg-Erzberg* (Germanio, Sa.). — D.: S-ro Erich Kurt Meynig, metia instruisto, Mariengasse 23.

*Ansbach* (Germanio, Bayern). — D.: S-ro Max Wahnschaffit, profesia instruisto, Oberer Markt 23 I.

*Apeldoorn* (Nederlando, Gelderld.). — D.: S-ro Herman de Winter, ĉefkomizo de la nederlandaj fervojoj, van der Heijdenlaan 28. VD.: S-ro Herman van Leeuwen, ĉefkonduktoro de la nederlandaj fervojoj, Ramweg 24.

*Baden-Baden* (Germanio, Baden). — D.: S-ro Erwin Letulé, bankoficisto, Ludwig-Wilhelms-Platz 3.

*Barnaulo* (Azio, Siberio). — D.: S-ro Aleksandro Ivanoviĉ Patrov, urba sekretario, Internacia Str. 139.

*Beclean*, (Rumanio, Trans.). — D.: S-ro Jenö Egey, juristo, Jud. Solnoc-Dobaca.

*Bedlington* (Angl., Northumberland). — D.: S-ro Roderick Blackley, elektro-maŝinisto, Y. M. C. A.

*Benrath* (Germanio, Rheinprov.). — D.: S-ro Wilhelm Cremer, Ober-Inspektor, Marktplatz 4.

*Bergesgrün* (Ĉeĥoslov., Bohemio). — D.: S-ro Robert Vogel, sekretario, Bergesgrün apud Oberleutensdorf.

*Beroun* (Ĉeĥoslov., Bohemio). — D.: S-ro Antonín Ráž, instruisto, Beroun v Čechách 197 II.

*Berthelsdorf* apud Weissenborn (Germanio, Sa.). — D.: S-ro Martin Schab, komizo, Weissenborn, Amtsh. Freiberg.

*Beuel* bei Bonn (Germanio, Rheinprov.). — D.: S-ro Otto Glossmann, arĥitekturisto, Bonnerstrasse 61.

*Bogangate* (Aŭstralio, N. S. W.). — D.: S-ro William Albert Marshall, instruisto, Public school.

*Bolvi* (Latvio, Latgale). — D.: S-ro Oskar Striedter, pastro.

*Brand-Erbisdorf* (Germanio, Sa.). — D.: S-ro Rudolf Müller, librotenisto, Georgsplatz 44.

*Bremer* (Usono, Iowa). — D.: S-ro Theodore Hanssen, luterana pastro, Box 786.

*Bürgstein* (Ĉeĥoslov., Bohemio). — D.: S-ro F. Ullrich, poŝtoficisto.

*Castiglioncello* (Italio, Pisa). — D.: S-ro Marchese Carlo Di Montezemolo, generalo.

*Český Brod* (Ĉeĥoslov., Bohemio). — D.: S-ro Jaromír Toth, advokato-oficisto, Šafaříkova 320.

VD.: S-ro Francisko Pátek, distrikta lernejinspektoro.

*Cimislia* (Rumanio, Besarabio). — D.: F-ino Ester Rabinovici, instruistino, Jud. Tighina.

VD.: S-ro Iosif Procupeti, instruisto, Jud. Tighina.

*Clinton* (Usono, Iowa). — D.: S-ro William J. H. Knappe, profesoro de historio kaj filozofio, Wartburg College.

*Cormeilles en Parisis* (Francio, Seine et Oise). — D.: S-ro D-ro Lubin Emile Delorme, kuracisto, 12 Rue Neuve.

*Craiova* (Rumanio, Oltenia). — D.: S-ro Petru Popesco, oficisto, Str. Lipscani 25.

VD.: S-ro Johano Kiŝŝ, oficisto, strato Lipscani 25.

*Cremona* (Italio, Lombardio). — D.: S-ro Aldo Mandelli, librotenisto, via Giuseppina 10.

*Daugavpils* (Latvio). — D.: S-ro Janis Roberts Ozolinŝ, telegrafisto, Rigas iela 12.

VD.: S-ino Anna Albin, telefonistino, Rigas iela 12.

*Degersheim* (Svislando, St. Gallen). — D.: S-ro Josef Ferdinand Fischer, komercisto, Volksmagazin.

**Ŝanĝoj.**

*Anima* (Rumanio, Banat). — D.: S-ro Gustav Olbrich, oficisto.

*Birmingham* (Anglio, Warwick). — D.: S-ro Cecil Charles Goldsmith, 14 Menin Road, Kings Heath.

VD.: S-ro Wilson H. Sturge, Carpenter Road, 35 Edgbaston.

*Cordoba* (Hispanio, Andalucia). — D.: S-ro Francisco Azorin ó Isquierdo, arkitekto, Calle Claudio Marcelo 18 pr.

VD.: S-ro Francisco Serrano Olmo, komercisto, 10 Ambrosio de Morales.

*Croydon* (Anglio, Surrey). — D.: S-ro Richard Kenneth Hurgon, studento, 32 Friends Road.

VD.: S-ro John Bredall, 3 Birdhurst Rd., South Croydon.

*Gera* (Germanio, Reuss). — D.: S-ro Kurt Ostermann, fervojisto, Blücherstr. 55 II.

VD.: S-ro Alfred Hezel, librorevizoro, Banvereinsstr. 66 II.

*Honnef* (Germanio, Rheinland). — D.: S-ro Wilhelm Solzbacher, studento, Spiessgasse 1.

*Johannesburg* (S.-Afriko, Transvaal). — D.: S-ro S. A. Andrew, asekura agentestro, P. O. Box 199.

VD.: S-ro E. C. Mawbey, bankoficisto, Standard bank of South Africa, P. O. Box 1031.

*Krochwitz* (Ĉeĥoslov., Bohemio). — D.: S-ro Edmund Pöche, privata oficisto, Krochwitz 46, Bodenbach III.

*Magdeburg* (Germanio). — D.: S-ro Julius Michaelis, komercisto, Breiter Weg 147.

VD.: F-ino Margarete Küster, Halberstädter Str. 129 b.

*Regensburg* (Germanio, Bayern). — D.: S-ro Ewald Hugo Mühleisen, urba ĉefsekretario, Stadtsparkasse.

*Sydney* (Aŭstralio, N. S. W.). — D.: S-ro Leslie Pfahl, koloristo, „The Brighton", Croydon Park.

*Santa Clara* (Kubo). — D.: S-ro Andrés Ma Oliva, kapitano, Independencia.

VD.: S-ro Rafael G. Crespo, profesoro, Escuala Normal.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj lokoj:

*Aldershot* (Anglio, Hampshire), *Dachau* (Germanio, Bayern), *Lampedusa* (Italio, Girgenti), *Surat* (Hindio), *Trpanj* (Jug., Dalmacio).

* * *

*Genève*, 20a de februaro 1924.

*H. Jakob*,
Ĝenerala Sekretario de UEA.

---

# Esperantista Parolejo.

## Somerkurso en Ĝenevo.

La brita asocio *„Por savi infanojn"*, bone konata pro ĝia helpado al mizeraj geknaboj en Centra Eŭropo kaj Oriento organizas somerkurson por tricent kunlaborantoj en Ĝenevo, sidejo de la Ruĝa Kruco, de la 4a ĝis 16a aŭgusto proksima ĉe la Universitato kaj Instituto J. J. Rousseau. Du lecionoj de Esperanto okazos ĉiumatene laŭ la programo. UEA dezirus ricevi adreson de iu brita esperantisto aŭ esperantistino preta veni Ĝenevon por instrui nian lingvon al tiuj samlandanoj.

* * *

## Savu la infanojn kaj Esperanto.

La bone konata unuiĝo, *Savu la infanojn*, eldonis en beleta 40 paĝa broŝureto laŭ formato de UEA-eldonaĵoj, la

DEKLARACION DE GENÈVE

kvin punktoj pri la infano, kiuj diras:

I. LA INFANO devas estis ebligata kreskadi en normala maniero materiale kaj spirite.

II. LA INFANO malsata devas esti nutrata, malsana infano devas esti flegata, malprogresa infano devas esti kuraĝigata, elvojigita infano devas esti elsavata, orfo kaj forlasito devas ricevi hejmon kaj helpon.

III. LA INFANO devas esti la unua ricevonto helpon en tempo de danĝero.

IV. LA INFANO devas esti ebligata gajni sian vivon kaj esti protektata kontraŭ ĉiu formo de ekspluatado.

V. LA INFANO devas esti edukata al sindono de siaj plej bonaj kvalitoj al la servo de siaj fratoj.

Tiu teksto estas tradukita en 36 lingvoj (araba, persa, turka, ĉina, japana, armena literoj) kaj ankaŭ en Esperanto. Prezo de la broŝureto 1 fr. svis., mendebla ĉe Union Internationale de Secours aux Enfants, 4 rue Massot, Genève. La neta profito estas por la bonfara entrepreno menciita.

* * *

## Interŝanĝo aŭ vendo de libroj.

La Grupo Esperantista de Lyon (fond. en 1902) deziras interŝanĝi aŭ vendi la jenajn librojn, kiujn ĝi duoble aŭ trioble posedas; kelkaj estas elĉerpitaj. Sekretariejo kaj Biblioteko de la G. E. L.: 30 rue Ferrandière, Lyon.

461. *de Amicis*, Kverko kaj floro. 127. Commentaires sur la grammaire. 659. *C. Bourlet*, La tria. 433. *Bobin*, Les mots suivant le sens. 265. *Berthelot & Lambert*, Komercaj leteroj. 182. *Merkens & Berthelot*, Vocabulaire fr.-Esp. et Esp.-fr. 389. *Cart & Pagnier*, Une heure d' Esperanto. *Cart*, Rapport au Ministre de l' Instruction Publique. 509. *Chavet & Warnier*, Esperanto-manuel. 674. *Crozat*, Dum Kongreso (1909. 745. *Dro Dor*, Int. Kongr. por la plibonigado de la sorto de l' blinduloj. 57. *Grabowski*, Kondukanto internacia. 554. *Gogol*, La revizoro. 658. *Gual*, Mistero de doloro. 831. *Huertas*, Gramatica ejerciecos. 483. *Javal*, Inter blinduloj. 740. *Kabe*, Vortaro. 761. *Louys*, Rozo supernatura. 661. *Molière*, Georgo Dandin 287. *Ostwald*, Die Weltsprache. 294. *Offret*, Nuna stato de Esperanto en la mondo. 295. *Offret*, La diffusion de l'Esperanto. 44. *Prus*, La faraono. 558. *Pujula*, La rompantoj. 684. *Privat*, Karlo. 630. *Shakespeare*, Makbeto; 71. Hamleto. 463. *Schiller*, Wilhelm Tell. 566. *Sisley*, Rakontoj al mia belulino. 170. *T. C. F.*, Esperanto. 199. *T. C. F.*, Frazlibro. 553. *Vérax*, Vocabulaire tecnique et technologique. 741. *Vérax*, Enciklopedia vortareto.

* * *

## Oni proponas:

Mi sugestas, ke estus bone, se oni presus la nomojn, profesiojn kaj adresojn de ĉiuj membroj de UEA en la jarlibro. Ĉu ne estas eble tion aranĝi? *B. Hookham*, Del., Hampton Wick.

Respondo: *Supra propono jam plurvoje venis al ni. La publikigo de ĉiuj nomoj donus volumon de 150—200 paĝoj. Multaj adresoj senvaloriĝas dum presado pro ŝanĝoj. Por koresponda celo ekzistas la gazeto aŭ la speciala aldono.* H. J.

*

Eble la kostoj por eldonado de la Jarlibro de UEA povus esti konsiderinde plimalaltigataj, se plena jarlibro estus aperigata *nur ĉiun duan jaron*, sekvata la postan jaron de *„suplemento"*, enhavanta la aldonojn kaj ŝanĝojn okazantajn dum la intertempo. La malavantaĝoj neeviteble ligitaj kun tia aranĝo povus esti mildigataj, se la plena jarlibro (eble ankaŭ en la suplemento) la listoj de delegitoj kaj de lokoj kun delegitoj estus presataj nur sur ĉiu dua paĝo (aŭ sur ĉiu dua folio), tiel, ke restu sufiĉa loko por enskribo de aldonoj kaj ŝanĝoj. *Harald Skog*, Del. en Ystad (Sved.).

Respondo: *La intereso de la movado postulas aperon de dokumentiga libro ĉiujare. La neapero de jarlibro dum unu jaro havus la rezulton de nealiĝo de pli ol mil membroj nur ricevantaj tiun eldonaĵon. La aldono de blankaj paĝoj tute ne sufiĉus por la necesaj ŝanĝoj.* H. J.

* * *

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de delegitoj.*

∴ S-ro *A. B. C. Senff* el Hamburg kore dankas al la afablaj holandaj samideanoj: S-ro Soeters kaj S-ro Sterkenburg en Zutphen, Hazekamp kaj F-ino Theyhof por ilia al mi montrita amikeco kaj gastemeco dum mia dusemajna restado post la Orient-Nederlanda kongreso.

∴ S-ro *H. Jagi*, del. de UEA, Kioto, sincere dankas al S-ro Georg Habellok, Breslau, pri lia afableco serĉi germanajn librojn.

∴ S-ro *Adolf Hahn*, horloĝisto en Teplitz-Schönau (Ĉeĥoslovakio), elkore dankas S-ron Caine, del. de UEA en Perth (Aŭstralio, Western) kaj S-ron Wilhelm Schlosser, membro de la Esperanto-grupo Teplitz-Schönau, pro farita grava servo.

Lia onklo elmigris antaŭ 15 jaroj al Aŭstralio, sed post empo ĉesis ĉiu vivsigno de li.

Diversaj esploroj, ankaŭ flanke de estinta aŭstria konsulejo tute ne havis sukceson.

Post multaj klopodoj de S-ro Caine ebliĝis sendi precizan informon post kvar monatoj de la peto pri la jam mortinta parenco.

S-roj Caine kaj Schlosser faris al mi kaj miaj parencoj valoregan servon kaj mi de nun, kvankam ankoraŭ neesperantisto, entuziasme varbos por la genia ideo de Esperanto kaj ĝia ĉefa organizo UEA.

∴ S-ro *Rudolf Goldner,* membro 18529, en New-Duluth, Usono Minn., sincere dankas al la delegitoj S-roj Halbedl en Graz, Schoofs en Antwerpen por afable faritaj servoj okaze de lia elmigro Amerikon.

∴ S-ro *Fritz Rockmann,* Magdeburg, plej kore dankas al gesinjoroj Blicher, Hansen kaj Isbrücker, al sinjoroj Bolliger, Brown, Habermehl, Horner, Page, Sörensen kaj Warden en nomo de siaj lernantoj, al kiuj la amo de tiuj ĉi geamikoj pretigis ĝojajn horojn ĉe ornamita kristfesta arbo. Ĉiu knabo ricevis kelkajn donacojn, la plej malriĉaj eĉ ŝuojn kaj lanajn ŝtrumpojn. Ge-sroj Blicher kaj Isbrücker afablege sendis eĉ valorajn pakaĵojn. Ges-roj Hansen sendis gravan sumon kolektitan de ilia lernantaro. Iliaj nomoj oftege resonos en la memoro de miaj malgrandaj amikoj.

∴ S-ro *Max Gutschreiter,* delegito en Muran, kore dankas al S-roj Francesco Pizzi en Venezia, Achille Tellini en Bologna, Michaele Arabeno en Genova Luigi Pollini en Bordighera, Ippolito Piatti en Milano kaj Attilio Vacca en Verona pro servoj faritaj antaŭ kaj dum vojaĝo. Li petas senkulpigon, ke li pro manko da tempo ne povis fari ĉie la dankvizitojn.

∴ S-ro *Paŭlo Balkányi,* ĉefdelegito de UEA, korege dankas al S-ro Hans Tressel, del. en München kiel al la vicdelegito pro akcepto, loĝigado, gvido kaj helpo de kongresanoj post la Nürnberga kongreso.

∴ S-ro *J. Kunc,* Podjedlina p. Rychnov n. Kn, Ĉeĥ., kore dankas al ĉiuj delegitoj de UEA kaj al ĉiuj samideanoj, precipe en Split, kiuj ĉiumaniere helpis al li dum lia veturado tra Jugoslavio.

∴ S-ro *R. F. Vaughan* en Kobe kore dankas al S-ro Henry W. Hetzel, delegito en Philadelphia (Usono) por grava kaj pena esploro, tre konvinka pri la utileco de Esperanto kaj UEA.

∴ Gesinjoroj *Megahy* el Preston, Angl., sincere dankas al la delegitoj de UEA: H. Bederlunger, Innsbruck, Heinrich Bausbach, Villach kaj G. Santini, Venezia, por afablaj servoj faritaj dum postkongresa vojaĝo tra tiuj urboj.

∴ S-ro *J. D. Applebaum,* Liverpool, korege dankas al la vicdelegito Ign. Wiesenberger, Krakow, kaj F-ino Regina Weinsberg el la sama urbo por afablaj servoj kaj gvidado tra Krakow, dum vizito al tiu urbo, decembro 1923.

∴ Lernejestro *Scheibler* en Wurgwitz (apud Dresden) tutkore dankas ankaŭ ĉi tiun jaron al samideano Groarty, New Jork, por afabla mondonaco al la konfirmotoj el nia deviga klaso por Esperanto, kaj al inĝeniero Ostheim, Reichenberg, kiu sendis okaze de kristfesto 24 ĉemizojn kaj 12-on da ŝtrumpoj por la plej malriĉaj geknaboj el sia 6-a klaso.

∴ *Saksa Esperanto-instruistaro* sincere dankas al kolegoj Wallinger kaj Neumair el Saalfelden (Aŭstrio) pro sendo de nutraĵoj por 30 diversaj saksaj lokoj, kie Esperanto estas instruata.

## Jubileo.

∴ S-ro *Fritz Rockmann,* honora membro kaj komitatano de UEA, de 1924 peranto por Germanio, festas la 1an de aprilo la 25an jarrevenon de eniro en lerneja servo.

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek,* Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 103.**

*Joh. Crum,* Glasgow.

[Bohemia 1904].



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 104.**

*Gabriel Heskia,* Bucuresti.

[Originalo].



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 105.**

*Fr. Hájek,* Praha.

[Originalo].



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 106.**

*R. Svoboda,* Praha.

[Originalo].



Blanko matas per la 2-a movo.

La verkoj 103 kaj 104 montras la eron de la problemarto. Ili prezentas gustumaĵon por la praktika ludanto, ĉar ilia enhavo ŝajnas esti eltiraĵo el iu okazinta kaj artifike fininta ŝakbatalo. — N-ro 105 kunligas tri matbildetojn. Speco da problema konstrumaniero, kiu jam preskaŭ tute elĉerpis sian programon. — En la sinmatiĝo 106 matas ĉiam duloje kaj simetrie ĉiu el la tri nigraj figuroj.

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 99:** 1. Da3—b4 ktp. vidu la solvon de N-ro 83.

**N-ro 100:** 1. Kf2—a7, Kd8, 2. Tb3, Kb6, 3. T×b6 ktp. 2. ..... laŭvole, 3. Tb1+ ktp. 1. ..... Ke7, 2. Tc3, Kc5, 3. T×c5 ktp. 2. ..... Kg5, 3. h4×g5 ktp. 2. laŭvole, 3. Tc1+ ktp. 1. ..... Kf6, 2. Td3, Kd4, 3. T×d4 ktp. 2. ..... laŭvole, 3. Td1+ ktp. 1..... K×h4, 2. Tg2, Kf2, 3. K×f2 ktp. 1..... laŭvole, 2. Tf3 ktp.

**N-ro 101:** 1. c7—c8Ĉ, Rd5, 2. Te7 ktp.

**N-ro 102:** 1. e7—e8K, R×d6, 2. c7—c8T ktp. 1. R×f6, 2. g7—g8T ktp.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 83, 84 Princo Bahmen Shidani, Teheran (Pers.); 97, 98 H. Sentis, Grenoble; S. Frantz, Paris (Franc.); Ek. Hannes, Halila; A. Löthman, Pyhäjärvi (Finnl.); C. Roĝister, Genève (Svisl.); H. Böhme. Tuttendorf; G. Menzel, Breslaŭ; W. Schrank, Kempten (Germ.); W. Smolen, Grabów (Pol.); 97 R. Koerselman, Voorst (Nederl.); Tadeusz Wysocki, Poznan (Pol.); G. Meyer, Wien (Aŭstrio).

*Pri niaj originaloj.* Nia ŝakangulo alportis jam multe da originalaj problemoj. Rikolto vere riĉa kaj diversflanka. Oni ekkonas kiu el la problemoj venis el sub la mano de la spertulo kaj alie oni renkontas tie al verkoj, kies strukturo multe pli peza malsekretigas la diligentulon komencanton. Pri la lasta speco da verkoj ni povas esti tute kontentaj, komparante la laboron de niaj samideanoj kun tiu, kiu estas trovebla en la gazetaro de ĉiu nacio. Per la originalaj problemoj ni eniras la fakan literaturon, ĉar tiu ĉi, ilin citante, estas ĉiam devigata noti la fonton de ilia deveno. Tial estas necese, ĉiam gardi pri tio, ke la gazetoj aŭ libroj, kiuj reproduktas niajn originalaĵojn ĝuste notu nian gazeton. Sufiĉas la vortoj *Esperanto, Genève,* kaj aldoni la jaron de la apero.

Al ĉiuj, kiuj partoprenis en la pliriĉigo de nia ŝakangulo per sia penplena originala laboro ni esprimas nian koran dankon.